XIX<sup></sup>a jaro. No [270] 289 (2) ⋆ Monata ⋆ Februaro 1923

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . 10.— Fr. Sv.
Kun la membreco de UEA . . . . . . . . 12.50 Fr. Sv.
Unu numero . . . . . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu centimetra kolonero) . . . . 2.— Fr. Sv.
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0.50 Fr. Sv.
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . 0.75 Fr. Sv
*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER — GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉATRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 16a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion*



## 1903 — 1923.

Estos pasintaj dudek jaroj, la venontan 1an de marto, depost la fondo de la „Klubo de junaj Esperantistoj“ kaj de nia hektografita revueto „Juna Esperantisto,“ kiu signis la komencon de kunlaboro kun Hector Hodler kaj nian ĝemelan naskiĝon en Esperantujo. Dum februaro 1903 ni eklernis la lingvon aparte kaj en marto ĝin ekpropagandis kune. Tiu komuna celo kreis inter ambaŭ knabetoj dektrijaraj tian amikecon de bonaj kaj malbonaj tagoj, kian eĉ la morto ne povas detrui.

Unuope ne estas eble festoĝoji tian datrevenon, ĉar tro doloras la manko de la forestanto, al kiu flugas ĉiu penso, ĉiu rememoro. Kiom da fojoj ni kune suprenrampis iun alpan monton interparolante pri tiu kara celo, kiu plenigis niajn korojn. Hodiaŭ necesas tamen halti sur la vojo kaj, sidante sur soleca roko, rigardi malantaŭen la paŝitan marŝon de finita dudekjaro.

Longa vojo jam irita! Same longa tuj irota. En 1903 komenciĝis la tutmonda propagando. Angla, svisa, germana movado naskiĝis post la franca. Aperis la „Krestomatiô“ kaj la unuaj vortaroj. En aŭgusto 1904 internacia festo paroligis Esperanton en Calais. En 1905 okazis la unua kongreso. Riĉa literaturo kaj gazetaro kreiĝis. Esperantismo organiziĝis. En 1905 la Lingva Komitato kun Centra Oficejo, en 1908 UEA.

En 1903, krom la Franca Societo, ekzistis nur kelkaj kluboj. En 1913 ĉiuj landoj havis jam naciajn societojn. Svarmis gazetoj ĉiuspecaj kaj ĉiusomere zumis esperantista popolamaso en Kongresoj. En 1903 oni parolis *pri*, en 1913 oni parolis *en* nia lingvo. Dum tiu periodo la knabetoj fariĝis junuloj, la centoj ariĝis en miloj, la ŝlosiloj dikiĝis en libroj. Ĉiuj pioniroj partoprenis la komunan penadon laŭ sia ebleco. Ho, kiom da bonvoloj, ĉie trovitaj en Eŭropo kaj Ameriko dum propagandvojaĝoj de 1907 al 1913! Ne sufiĉe rapidis la vagonaroj, ne sufiĉe flugis la vaporŝipoj por ĉien disporti la Zamenhofan alvokon al homaro.

Vastaj aŭdantaroj de Toronto al Ĥarkovo, de Bostono al Moskvo, kie vi estas nun? El ĉiuj tamen leviĝis amikoj sindonaj. Kun danko la penso rememoras vin. Fervoro, juneco, noveco ĉirkaŭlumis la aferon. Forta vento ŝvelis nian velon.

Tiam ekkrakis la milito. Mallumo regis dum kvin jaroj. La Majstro mortis, la pioniroj mortis. En la funebra nokto fidele tenis savan lampon Hector Hodler kun pacienco. Liaj fortoj tro streĉiĝis, sed li tenis tamen. Kiam ekbrilis relumiĝo de novaj pactagoj post la nokto malvarma, tiam ankaŭ li, plenuminte sian devon, mortis en plena laboro.

Dank' al lia, dank' al ĉies sindonado, la sango refluis al ĉiuj membroj de l' vundita Esperantujo. Ĝi refloris. Ĝi restariĝis. Ĝi retrovis novajn fortojn En ŝanĝita mondo, kruele frapita, ĝi trovas antaŭ si gigantan taskon, urĝan alvokon. Nova periodo mal-

fermiĝis. Unuflanke kreskantaj eblecoj de oficialiĝo, aliflanke plej akraj atakoj. La respondeco de la nuna movado estas peza, la rimedoj ne sufiĉaj. Belegaj okazoj prezentiĝas unu post la alia, sed ni devas esti pli pretaj por ilin profiti plensukcese. Nia lingvo ja vivas. Ankaŭ vivas UEA, sed mankas ankoraŭ al ĝi la certeco plue vivi, la sentima fortikeco, ne nur morale, sed materie konstruita. Per iom da plia koncentrigo ni povos finfermi armaĵon kapablan rezisti je ĉiuj batoj. Tio estas la plej urĝa bezono en la nuna konfuza tempo.

Kuraĝe ni daŭrigos la vojon post la minuta halteto memora. La sperto helpas. Dudek jaroj pasis. Dudek jaroj venos. Post la preparo, la efektivigo. Amikoj ĉiulandaj, unue certigu vian fortikaĵon, kaj ni nepre venkos. Dekmilo da membroj superas milionulon. Atendante lin, varbu ilin.

*Edmond Privat.*

 TRA LA VIVO 

## Senfadena telefonio.

Elektraj ondoj de senfadena telefonio disvastiĝas nun tra la tuta mondo kaj samfortaj ondoj de intereso, modo, snobismo, scivolemo kaj ĉiuspecaj homarmoviloj infektas ĉiun landon unu post la alia. Baldaŭ ĉiuj geknaboj parolos pri nenio alia. En Parizo ĉiuj butikoj jam vendas T. S. F.-aparatojn, ĉiuj ĵurnaloj enpresigas T. S. F.-rubrikojn kaj ĉiuvespere je la sesa dekmiloj da aŭskultantoj aŭdas hejme la koncertojn de l' Ejfelturo. En Britlando eĉ esperanta kanto disaŭdiĝis.

En Usono propaganda parolado pri Esperanto estis aŭdata de kvaronmiliono da familioj per senfadena telefonio. En Hago, en Londono, la sama epidemio disvastiĝas. En Svislando ĉie fondiĝas radio-kluboj. Ĉe ties kunsidoj ĉeestas knabetoj, blankbarbuloj, kamparanoj, studentoj, mezaĝaj instruistinoj, ĉiuklasaj homoj el ĉiuj eblaj aĝoj kaj rondoj, publiko tre simila al la esperantistaro, komuna intereso ligas ĉiujn: la progreso de tiu nova mirinda scienco T. S. F. (telegraf-telefonio sen fadenoj).

Verdire ĝi estas afero interesplena kaj eĉ impresiga. Oni povas kompreni, ke nia samideano D-ro Corret, esperantista akademiano, restas alligate al sia aparato tage kaj nokte. La T. S. F.-fervorulo ĝuas eksterordinarajn emociojn.

* * *

Jen juna gimnaziano konstruis mem sian aparaton. Li fiksis akceptan fadenon sur la tegmento aŭ inter du balkonoj, aranĝis sian kondensilon kaj aŭskultilon apud sia lito kaj ligis fadenon al tero per la doma gas' aŭ akvotubo. Reveninte el lernejo li ĵetas la librojn sur la plankon kaj almetas senpacience la aŭdilon al orelo . . . . Li turnas la gradilon por ekkapti ondojn. Jen . . . . aŭdiĝas telegrafado malproksima tat — tat . . . tat . . . tat — tat — tat . . . ĝi krakadas rapidege . . . Li turnas ankoraŭ. Jen voĉo homa en germana lingvo: „Berlina Borso, la ciferoj de l' mateno — usona kambio plialtiĝis, dolaro je kvardekmil-tricent-kvar, sterlinga funto ducentdekmil-kvincent-dudekdu . . .“

Li turnas, jen franca voĉo laŭta: „Allo! Pariza Ejfelturo parolas . . . Meteorologiaj antaŭvidoj por morgaŭ: en nordo vetero bela, ĉielo hela, kun iom da vento nordokcidenta, en oriento vetero bela, ĉielo hela, kun iom da nebulo matene. En sudo vetero bela, ĉielo hela, kun iom da vento norda . .“

Li turnas. Jen siblas akre transatlantika Markonigramo: Tiħ — Tiħ . . . Tiħ . . . Tiħ — Tiħ — Tiħ — Tiħ, Tiħ . . . Tiħ — Tiħ. Kia ŝira pafado!

Li turnas, jen dolĉa muziko de Haga koncerto. Purvoĉa solistino kantas arion de Thomas: „Ĉu vi konas la land' kie floras oranĝuj'? Tie mi volus vivi. Tie mi volus vivi kaj morti.“

Li turnas, jen angla lingvo: „Hallo, ĉu Le Bourget? Tie Londono-Croydon. Kio fariĝis kun aeroplano Goliath, forfluginta tagmeze?“ Siblado interrompas: tiħ . . tiħ — tiħ — tiħ . . . „Hallo, ĉu vi Londono? Jes, tie ĉi Le Bourget, la Goliato alvenis tri horojn malfrue. Ĝi devis halti en Abbeville. Trankviliĝu. Ĉiuj sanaj.“

Li turnas, jen denova muziko el Radiola: danco moderna, danco ludata de potenca orkestro. Se nur lia kuzino ĉeestus . . . Li turnas, jen homa lingvo nerekonebla, nekomprenebla, ĉu ĉeĥa el Praha, ĉu eble rusa el Moskvo? — Sed jen frapetas lian ŝultron la patrino. „Joĉjo, Joĉjo, venu vespermanĝi! La supo malvarmumiĝos.“ „Sed panjo, Moskvo ĵus parolas!“ — — „Nu, ĝuste vi ne bezonas aŭdi tiujn bolŝevikojn! Kion ili diris?“ — „Mi ne scias, panjo, ili parolas ruse.“

Manĝante la supon, Joĉjo revas pri T. S. F., kuleron en mano, okulojn nenie. Li revas pri la tuta mondo. Antaŭ kelkminutoj li estis kvazaŭ dio kun sia aŭskultilo. Li aŭdis tutan mondon, voĉojn el ĉie. Mirinda potenco de l' elektraj ondoj. Mankas nur unu afero al tiu grandioza novaĵo. Ĝi devus uzi Esperanton. Joĉjo tuj eklernos ĝin, ĉar la tutmondo malfermiĝis al li. Interspaco malaperis. Homarsento lin ekkaptis.

* * *

Ĉar Esperanto povas ludi gravan rolon en la progreso de senfadena telefonio, ni volonte dediĉos iom da spaco al tiu fako en nia gazeto. Eventuale la jarlibro de UEA povus ankaŭ enteni utilajn informojn pri la T. S. F.-stacioj en la tuta mondo.

Ni tre ŝatus ricevi de niaj legantoj precizajn informojn pri la ekzistantaj elsendejoj en ilia lando (horoj de regula elsendado 1e meteorologia, 2e novaĵa, 3e koncerta, longeco de l' ondoj).

Oni diskutos pri tio en Venezia kaj ni ŝatus ricevi la adresojn de invitindaj Radio-kluboj aŭ T. S. F.-societoj.

(Red.)

---

**☛ UEA kreskos kaj fortiĝos precipe per la individua agado de ĉiuj siaj membroj. Por 1923 ĉiu membro klopodu por varbi almenaŭ unu novan asocianon! ☚**

# Giuseppe Mezzofanti.

Oni ofte diras, ke la studado de Esperanto estas multe pli facila ol tiu de la aliaj lingvoj. Estas vere; tamen multaj inter vi treege laboris por kapti la sekretojn de nia lingvo internacia. Kiom oni do devos miri, aŭdante pri persono, kiu studis kaj parolis ne malpli ol preskaŭ okdek lingvojn; pli detale, li sciis kvindek lingvojn kaj tridek dialektojn. Tiu lingva monstro estis la italo Giuseppe Mezzofanti.

Li naskiĝis 1774 en Bologna kiel filo de simpla laboristo. Sed jam en lia juneco oni malkovris liajn grandajn studajn talentojn kaj instigis liajn gepatrojn ne fari el li simplan manlaboriston, sed studigi lin. Post iom da penado la gepatroj jesis kaj permesis al la pastro Giovanni, kiu ofte venis en ilian domon, okupiĝi multe pri Giuseppe. Kiel ekzemplo, ke la knabeto havas eksterordinaran memoron, servos tio: dum promenado en la urbo la pastro diris al li la nomojn de ĉiuj stratoj kaj placoj, kiujn ili preterpasis; kaj post kelkaj tagoj la tre juna Giuseppe povis ankoraŭ sen eraro ripeti ĉiujn nomojn. Ankaŭ la nomojn de la sepdek preĝejoj kaj palacoj en Bologna la knabeto ripetis tute sen eraroj.

Oni trovis bonan instruiston por li, kiu neniam havis tian bonan lernanton, ĉar li lernis pli en unu horo ol alia en tagoj. Precipe li lernis la antikvajn lingvojn, latina kaj greka, kaj gajnis en ĉiuj klasoj la unuan premion. Tamen liaj kamaradoj ne tro enviis lin, ĉar li estis amata de ĉiuj pro sia bona karaktero.

Tiu granda studado tamen finiĝis subite, kiam li estis ĉirkaŭ dekkvin-jara; li malsaniĝis, kaj dum kelka tempo la doktoro ne permesis al li legi ion. En tiu tempo, kiam li multe promenis kaj povis pensi pri sia estonteco, li decidis, ke li fariĝos pastro kiel lia unua amiko, pastro Giovanni.

Tiel okazis. Kaj tiam li eklernis krom la antikvaj lingvoj ankaŭ la hebrean, gvidata de sia profesoro. Sed tute sola li mem eklernis ankaŭ la lingvojn germanan, francan, anglan kaj araban. Kiam li jam estis pastro, li fariĝis profesoro en la araba lingvo je la universitato de Bologna; kaj ĉar li havis multe da libertempo, li povis studadi plie. Baldaŭ li sciis pli da lingvoj ol loĝas nacioj en Eŭropo.

Estis en tiu tempo, ke la armeo de Napoleon venis en ĉiujn landojn. Ankaŭ Bologna estis kaptita de sinsekvantaj diversaj armeoj; ĝi estis aŭstria, tiam franca denove; kaj al la malsanulejoj oni alportis vunditajn soldatojn de la diversaj landoj. Dum la lasta milito ankaŭ ni vidis preterpasi en nia urbo multajn diverslandajn soldatojn; sed en la armeoj de Napoleon kaj en la aŭstria armeo servis ankoraŭ pli da nacioj.

Mezzofanti, estante pastro, ofte iris al la malsanulejoj, kaj la vunditaj soldatoj treege ŝatis lian viziton, ĉar ĉiun li alparolis en ties propra lingvo. La germano, kiu en la febro demandis iom da akvo, estis komprenata de li kaj ricevis la multepetatan akvon. La hispana oficiro, kiu plendis pri sia dekstra brako, tute rompita, aŭdis en sia propra lingvo vortojn de kompato kaj de konsolo. La flegistoj ne komprenis la danan, la polan soldatojn, sed Mezzofanti alparolis ilin ĉiujn; kaj tial neniu estis pli ŝatata inter la vizitantoj ol la juna, afabla pastro, kiu estis por ĉiu kiel peco de la propra lando.

Mezzofanti iĝis profesoro de la greka kaj orientaj lingvoj en la universitato de Bologna en mil okcent kvar; sed dum la neniam laciĝantaj militoj li devis forlasi ĝin. En tiu tempo li lernis multe de ĉiu fremdulo, kiun li renkontis, kaj kiam li iĝis bibliotekisto de la urba biblioteko en mil okcent dekdu, li povis studadi tiom, kiom li deziris, ĉar en tiu biblioteko troviĝis libroj en ĉiuj lingvoj.

Nature Mezzofanti estis jam treege fama inter siaj samtempuloj, kaj ofte oni klopodis forlogi lin de Bologna al universitato de alia urbo, sed li ĉiam rifuzis, kiel li ankaŭ rifuzis la honorajn ordenojn, kiujn diversaj reĝoj oferis al li. Tamen li akceptis novan profesoran seĝon en la universitato de Bologna kaj post nelonge fariĝis rektoro de ĝi. La tiama simpla laboristfilo do nun okupis la ĉefan lokon inter la saĝuloj de lia urbo.

Kiam li estis rektoro, en la urbon venis sveda junulo, sed ĉar en Bologna neniu parolis la svedan lingvon, la fremdulo sentis sin treege sola. Aŭdinte pri Mezzofanti, la junulo vizitis lin; sed ankaŭ Mezzofanti bedaŭrinde ne sciis la svedan lingvon; tamen por tia homo tio estis eta malfacilaĵo: li subite komencis studi la svedan gramatikon, kaj post kelkaj semajnoj li jam flue interparolis kun la fremda junulo. Li estis sia propra Berlitzlernejo.

Nur la papo Gregorio la deksesa sukcesis allogi la faman Mezzofanti de lia urbo Bologna al Roma; li estis nomita kardinalo kaj restis tie ĝis sia morto en mil okcent kvardek naŭ. Ĝis sia fino li studis kaj ŝajnis, ke, des pli maljuna li iĝis, des pli facile li povis lerni novajn lingvojn. Ni do ne malesperu se ni ne havas tian junecon: ni eble fariĝos ankoraŭ treege kapablaj Esperantistoj!

La fama angla poeto Lord Byron ankaŭ estis inter tiuj, kiuj vizitis Mezzofanti. Li rakontas pri ilia renkonto laŭvorte la jenan:

„Estas nenia literaturisto fremdlanda, kiun mi ŝatus revidi, escepte Mezzofanti, kiu estas lingva monstro, promenanta vortlibro de ĉiuj lingvoj. Li devus esti vivinta en la tempo de la konstruado de la turo de Babel; tiam li estus farinta grandajn servojn kiel interpretisto. Vera mirindaĵo li estas, tamen sen ia pedanteco. Mi klopodis ekzameneti lin je ĉiuj lingvoj, en kiuj mi konis eble nur unu vorton, plej ofte blasfemon, kriita dum la vojaĝo al la homoj, bestoj kaj veturiloj, unuvorte al ĉio kio apartenas al la vojaĝado; kaj mi ĵuras, ke li hontigis min eĉ en mia propra lingvo!"

Kiam Lord Byron skribis tion, Mezzofanti estis ankoraŭ en Bologna kaj tiam jam sciis tridekdu lingvojn, kvankam li neniam forestis de sia naskiĝurbo. Li ĉion lernis el libroj kaj de la fremduloj, kiujn li renkontis. Tiamaniere li eklernis la flandran lingvon de studento el Brussel, kvankam li ne nomis ĝin lingvo, sed kiel la holandan lingvon, dialekto el la germana lingvo. Ĉar ankaŭ la holandan lingvon li sciis, legis multe de la poetoj Vondel kaj Cats. La holanda Doktoro Wap, kiu rakontas pri sia vizito al Bologna kaj Mezzofanti, diras la jenon pri li:

„Vespere mi trovis Mezzofanti meze de junuloj de diversaj nacioj, parolante tiel facile kaj flue en ĥina lingvo kun studento el Canton kiel en holanda lingvo kun Utrechtano. Neniam mi forgesos kiel afabla, simpla kaj bonkora estis tiu respektinda, fama homo. Kiam mi adiaŭis lin, li skribis ion en holanda lingvo en mian libron, nur pripensante ĝin dum momento. Estis versoj, en kiuj troviĝas nur tri eraroj laŭ nia gramatiko".

Sinjoro! kiam via bela skribaĵo venis sub miaj okuloj
Mi estis tre ĝojigita per via bonkoreco; [hodiaŭ
Kaj tiel multe supreniris en mia spirito, en mia koro,
Ke mia lango restis muta kun kvindek lingvoj.
Nun, por ke mi ne ŝajnu al vi maldankema estaĵo,
Mi petas vin: bonvolu legi nur en mia koro! —

Sed ne nur genia lingvisto Mezzofanti estis, ankaŭ li estis bonega, bonkora homo. Li klopodis helpi ĉiujn, kiuj petis lian helpon, kaj donis ĝis li mem ne plu ion posedis. Iam tamen estis tute maleble al li helpi personon, por kiu li deziris fari multon. Monon li ne plu havis; juvelojn li ne povis vendi, ĉar ili estis venditaj antaŭlonge en simila okazo. Tamen ion li vendis por akiri la deziratan sumon, kaj neniu el vi solvos la problemon, kio ĝi estis. Li vendis sian propran kapon al societo de kraniologio, kiu jam pli frue petis de li la rajton

ekzameni lian kranion post lia morto. Tiam li rifuzis; sed nun li akceptis, ĉar li jus bezonis tian monsumon, kvankam nur por alia persono! —

Eble vi ankaŭ rimarkis, ke ekzistas multe da simileco inter Mezzofanti kaj Doktoro Zamenhof. Ambaŭ kleruloj, ili estis bonkoraj, simpatiaj homoj, kaj ambaŭ ili studis multajn lingvojn. Sed la granda diferenco estas:, per tiuj lingvoj Mezzofanti helpis en sia tempo multajn personojn, sed kiam li mortis, kun li mortis la bono, kiu povis naskiĝi de lia studado. Tamen Zamenhof distilis el siaj propraj lingvaj kapablecoj ion, kio eĉ post lia morto povos servi al multaj homoj. Tial por mi pli mirinda kaj pli laŭdinda ol la fama itala „lingva monstro" Mezzofanti estas la ne tiel fama, sed same bonkora kaj simpla pola doktoro, kiu nomiĝas Zamenhof. Ĉar kun Mezzofanti mortis la kapableco de *unu* persono interkompreniĝi kun alilingvanoj; sed Zamenhof naskis la eblecon por *multegaj* homoj interkompreniĝi kun alilingvanoj, kaj, kvankam Zamenhof mortis, tiu kapableco certe neniam mortos tiel longe kiel Esperanto vivos. *Ine Pentermann*, Rotterdam.

---

# La Metodo de Maria Montessori.

D-rino Maria Montessori naskiĝis en Chiaravalle, Italio, la 31 aŭgusto 1870; ŝi estis kuracistino, sed specialiĝis pri la psikiatriaj studoj. Post nova, pacienca kaj kuraĝega sperto, provita pri la nenormalcerbaj geknaboj, M. Montessori ekvidis, ke la edukado de la nenormaluloj postulas precipe metodon konformiĝantan kun la interna disvolviĝo de l' infano. Sed kian rezulton promesus tiu sama metodo pri la normaluloj? Jen estas la mirinda elpensaĵo, la granda realigebla idealo: pretigi, per novaj vojoj, la edukadon de la normaluloj. Por tio ĉi estis necesa grava laboro: nome, studi la normalajn geknabojn, la uzatajn didaktikajn metodojn, la edukplanon tra la jarcentoj ktp.; tial M. Montessori eĉ instruiĝis pri la filozofio kaj pedagogia antropologio. „La domo por la infanoj", kie kolektiĝis etuloj de du jaroj kaj duono ĝis ses jaroj, post rilata eksperimento diktis la sekvantan verkon al Montessori: „Il metodo della pedagogia scientifica, applicato all'educazione infantile, nelle Case dei bambini" — IIa Edizione — Loescher — Roma.*)

Do, la Montessori'a metodo preparis taŭgan ilaron por la disvolviĝanta infano; nome, tian, kiu donos al ĝi eblecon sin movi libere (spaco, kovritaj kaj netutekovritaj ĉambroj); la eblecon fari kaj ripeti kunordigitajn movojn en la plej facilaj agoj de la praktika vivo (speciala aranĝo de la lernejo); la ilojn por la superaj sentaj kaj intelektaj ekzercoj, gradige kombinitaj (speciala didaktika ilaro).

M. Montessori tiel metis la infanon tute liberaj tien, kie ĝiaj novaj, sentaj kaj intelektaj bezonoj povas trovi kontentiĝon laŭplaĉe, kiel la biologisto, kiu dezirante studi iun beston, prezentas al ĝi la plej favorajn kondiĉojn de vivo, por studi ĝian reakcion, kiu estas reala formo de ekzisteco. Tia kondiĉo de libereco postulas ne nur la supre rimarkigitajn ilojn, sed specialan prepariĝon de l' instruistino; ŝi devas esti tre respektema je la propraj agoj de la infano, pacience observi ĝiajn volajn laborojn, devas esti pli helpema ol gvidema, neniam malhelpanta la ekvilibron de la cirkonstancoj por la formiĝado de la homa interno. La ĉefa karakterizo de tiu ĉi nova metodo estas asigni en la infanon tian aŭtoritaton, kiu pro la aliaj metodoj estas en la manoj de l' instruistino; kiel ankaŭ, ke ĉiu akiraĵo, laŭ la gradigita kaj malrapida transformiĝo (infano, knabo, junulo k. c.), naskiĝu el interno. Jen estas la profitoj atingitaj:

1e La infanoj, per memedukado, havis evidentan formiĝon de karaktero, de interna energio, supera al la aliaj.

2e Ili montris grandan aktivecon por la frua lerno de la diversaj disciplinoj, por la servoj kaj la agoj de la praktika vivo.

Tiaj „Domoj por la infanoj" estas veraj „kampoj de eksperimentado" por la psikologio. M. Montessori ekvidis la iluzion, en kiun falis la eksperimenta psikologio, opinianta ekkapti la leĝon el la komenca minuto de la infana reago! La psikologia vivo de la homo povas esti legata nur tra la procedo de ĝia formiĝo, kiel la homara vivo estas klarigata nur el la tuta historio, kaj ne el la rapidema momento . . .

Do, en tia pruva kampo por la studo de l' homo, en tiu infana renovigita lernejo, estas eble renkonti la verecon de la biologia leĝo, dum la sciencisto, devigita observi infanojn ne vidatajn en kondiĉoj de plena libereco, eltrovas nur verecojn el sociala kaj tempa karaktero.

La graveco de l' eksperimento Montessori, kiel rezultato el la praktika edukado kaj kiel sciencaĵo, varme entuziasmigis italojn kaj eksterlandulojn. En Roma kaj Milano ekzistas „Infanaj domoj". La eksterlanda atento estis elvekata pri tiu renovigo, kaj la „Montessori-metodoj" estas tradukitaj diverslingven; krom tio, multloke estas malfermitaj „Etulaj domoj" laŭ tia metodo. La eksperimentoj de D-rino Montessori daŭras pri infanoj de pli ol sesjaraĝaj.

Oni ne povas aserti la ĝustan nombron da tiaj „Domoj" nun ekzistantaj en la tuta mondo; estas sufiĉe rimarkigi kian didaktikan ilaron oni nun fabrikas en Milano, en New York, en London, en Paris, en Shanghai, k. c.; ĝi konsistas el ilaro por komencigi:

1e iajn praktikvivajn agojn;

2e por la sentaj ekzerciĝoj;

3e por la lernado de la meĥaniko de la legado kaj skribado.

*Domenica Pomarici.*

*) La sciencpedagogia metodo aplikita por infana edukado, en la Domoj de l'etuloj — 2a eldono — Loescher — Romo (Italio).

 **EL SCIENCO KAJ NATURO** 

## Spicoj.

La spicado de mangaĵoj estas necesega procedo por helpi la digeston, instigi la koncernajn organojn je rapida absorbigo de la nutraĵoj. Sen spicoj la plej multaj ŝatataj kombinoj de la kuirarto estas neeblaj; per ili oni donas tiun specialan parfumon, guston, kiu ofte distingas preferatan preparaĵon. Ni iom konatiĝu kun tiuj aldonoj de la kuirejo, ofte konataj nur per la nomoj.

La spicoj estas ĉu el minerala, ĉu besta, ĉu vegetala devenoj; la plej grandan parton liveras la regno de vegetaĵoj. La tropikaj kaj subtropikaj regionoj estas la rezervejo origina de preskaŭ ĉiuj uzataj spicaĵoj. Ju pli varma la klimato des pli fortaj la spicaĵoj tie kreskantaj. Pro tio oni komprenas sub spicaĵoj nur la plantojn el la landoj varmaj kiel pipron, pimenton, muskaton, cinamon, kasifolion, vanilon, kardamomon, zingibron; la kreskantaj spicoj en modera klimato preskaŭ estas forgesataj klasante kuminon, fenkolon, anison, koriandron, salvion, cerefolion, petroselon, kreson, timianon, majoranon, la kaporojn kaj la sinapon sub la simple nomataj „kuirejaj kreskaĵoj."

Ĉiuj vegetalaj spicoj posedas akre odorantan substancon, venanta de facilfluigeblaj, eteraj oleoj aŭ aliaj komplike kompozitaj materioj kiel rezinoj. Uzataj kiel spicoj estas tiuj partoj de la kreskaĵo kiu enhavas tiun materion, ĉu la semoj, la fruktoj, la folioj, la floroj, la radikoj aŭ la ŝelo.

Plej disvastigata kaj ofte konsiderata kiel nemankebla estas la pipro. La hejmlando estas la tropikoj, prefere humidvarmaj arbaroj kie ĝi kreskas grimpante. La kulturo en la Sunda-

Insuloj similas al tiu de la lupolo en Meza Eŭropo, farata same ĉe stangoj. Uzataj estas du specoj da pipro: blanka kaj nigra. Sed tio ne signifas ke estas du specoj; la diferenco venas el la rikolto malsimila. La preskaŭ matura frukto estas kolektata kaj sekigata de la suno; la rezulto estas nigra pipro. La blankan oni ricevas el la plene matura frukto, moligata en speciale traktita akvo kaj sekata; plie oni forigas la ŝelon. Tiu ĉi ŝelo konservas alkaloidon kaj eteran oleon kiu ĉefe entenas la fortan guston. Tial ĝi estas malpli forta ol la nigra.

Interesa estas la historio de la komerco de tiu ĉi spico kiu kondukas nin jam en la epokon de la antikva Romo. Same kiel la frukto de la kakao en Meksikio servis kiel pagilo, kiel mono, ankaŭ la pipro ludis tiun rolon eĉ dum la mezepoko en urboj francaj, germanaj, italaj kiel deviga pagilo por impostoj. La riĉeco de mezepokaj urboj baziĝis sur la komerco de pipro; eĉ la lingvo iafoje konservas rememoron al tiu ĉi tempo ekzemple „pepergelt, pepersak." La lasta, alnomo por piprokomercisto, esprimo ankoraŭ nun uzata en germanlingvaj landoj.

„Pipron ruĝan" oni malprave nomas la paprikon, verda, sed mature tutruĝa frukto de plantaĵo apartenanta al la familio de la solanaceoj. La ŝeloj enhavas akran, bonodoran kaj kolorigan substancon kiu donas al la manĝaĵoj la odoron, guston kaj belan koloron. Tre ŝatata ĝi estas ĉe la hungaroj precipe por la fama Guliás-hûs aŭ brasiko (kraŭto) de Szegedin. Alia speco de piprosimila spico estas la pimento aŭ pipro de Jamaiko, kreskanta en Indio, Brazilio kaj Meksikio; ĝia odoro estas sama al tiu de la konata kariofilo.

Kiu ne konas la Muskaton? Uzata ĉefe por supoj kaj saŭcoj, la ĉerizgranda nukso estas disvastigata kiel malmultaj el la aliaj tropikaj spicaĵoj. Ĝia hejmlando estas la Molukoj, la Papuo-insuloj kaj Nova Gvineo; ĝi similas iom al laŭro. La frukto estas granda kiel persiko; ĝi entenas la kernon kiu donas la muskatnukson.

La muskatarbo estas kulturita en ĝia devenlando kaj atingas pli bonan kvaliton per tio, ol la sovaĝa plantaĵo.

Apartenanta al la familio de l' orĥideoj la Vanilo pro ĝia delikata odoro sendube estas la reĝino inter ĉiuj ĝis nun konataj spicoj. Kiel planto grimpanta la kulturo ofte okazas en kunigo kun la kakao-arbo; Meksikio estas la hejmlando sed ĝi estas jam kulturata en aliaj amerikaj kaj en aziaj regionoj. La nomo venas el la hispana „vainillas" kio signifas proksimume kapsulo aŭ kovraĵo. La kulturo postulas longjaran sperton, atenton kaj komplikan laboron. Ĝi estas ekskluzive uzata ĉe la konfitistoj, por farado de kukoj, glaciaĵo, kremo (Glace à la vanille, crême à la vanille) kaj ĉokolado. — La alta prezo devigas serĉi aliajn parencajn kreskaĵojn, sed kiuj estas malpli bonaj, nur uzataj por ordinaraj bakaĵoj. La kemia industrio fine sukcesis fabrikigi per disigo de la suko de ia koniferspeca plantaĵo „artan vanilon" aŭ „odorigi" malpli bonkvalitajn vanilspecojn.

Malpli uzata estas la kardamomo, kreskaĵo el la familio de zingibroj, devenantaj ankaŭ el la tropikoj (Ceylon kaj Malabar-kardamomo).

Aniso, fenkolo, kumino, koriandro estas plantoj de la moderaj zonoj; la uzo estas tre varia. La kulturo okazas ĝardenmaniere aŭ pli amplekse. Ekzistas regionoj kie la plantado de tiuj spicoj estas vera specialeco.

La sinapo parte servas por la fabrikado de la mustardo, ŝatata de la kolbasmanĝantoj. Pro la forteco de la sinapoleo, la sinapfaruno trovas medicinan uzon kiel plastro.

La kariofilo distingiĝas per bela formo kaj agrabla odoro; ĝi estas la burĝono de l' floro de arbo kreskanta sur la Filipinoj kaj Spico-insuloj, la Molukoj; ĉe la orienta bordo de Afriko oni ĝin nun kulturas. La aromo estas kaŭzata de oleo (oleo de kariofilo). La plej bona kvalito venas el la Molukoj, Amboino, malpli bonaj el Zanzibaro kaj Pembano.

En la antikvaj tempoj la safrano ludis rolon multe pli gravan ol nuntempe; ĝia uzo limiĝas kiel kolorilo, dume pasinte ĝi estis ŝatata parfumo.

La itala kuirejo ĝin uzas ankoraŭ kiel aldono ĉe „Risotto"; aliloke por kolorigi kukojn, por ŝpari ovojn aŭ por spici likvoron. La plantaĵo troviĝas en varmaj landoj, Hispanio, Francio, Krimeo, sed ankaŭ en Aŭstrio. La prezo estis kaj estas alta; jam frue oni falsigis aŭ pezigis per iaj aldonoj la tre malaltpezajn florojn. La mezepoko konis tre altajn punojn por tiaj falsigistoj, kiel atestas multaj malnovaj aktoj el arĥivoj de mezepokaj urboj. La urbo Nürnberg, centro de safrankomerco havis severan regularon; komercistoj malobeintaj estis bruligitaj kun la falsigita komercaĵo. Rememorigas ankoraŭ al la iam florinta safran-komerco la „Safran-gildoj" en iaj urboj germanaj aŭ svisaj, unuiĝoj kun nuraj socialaj celoj. (Safran-Zunft).

La pulvorigata ŝelo de la kanelarbo donas al ni tre ŝatatan spicon por likvoroj kaj multaj aliaj manĝaĵoj, rizo (Ris au lait) kaj kukoj; la nepulvorigata kiel aldono ĉe vinoj kaj bovloj.

Pli ampleksan uzon trovas la kaporoj, burĝonoj de sovaĝe kreskinta arbetaĵo en suda Eŭropo. Ilia gusto estas acida kaj tial ŝatata aldono ĉe saŭcoj. Oni vendas ilin konservitaj per vinagro kaj salo; ĝi estas komercaĵo eksportata multe el Francio precipe Nice.

Aliaj ŝatataj aldonoj de kuireja arto estas: Estragono, Timiano, Majorano, Satureo, Artemizio, Salvio (aldono ĉe speco de svisa fromaĝo „Schabzieger"), Portulako. La folioj de l' laŭro iam destinataj ornami venkinton en la batalo nun estas uzataj ĉe saŭcoj, fortigo de vinagro, likvoroj, kaj ĉe konservado de fiŝoj.

*H. J.*

* * *

### Vortlisto.

| | |
|---|---|
| *Aniso,* | bot.: Pimpinella anisum.<br>fr.: anis, angle: anise, germ.: Anis. |
| *Estragono,* | bot.: Artemisia dracunculus.<br>fr.: estragon, angle: tarragon, germ.: Estragon. |
| *Fenkolo,* | bot.: Foeniculum vulgare.<br>fr.: fenouil, angle: fennel, germ.: Fenchel. |
| *Kanelo,* | bot.: Laurus cinnamom.<br>fr.: cannelle, angle: cinnamon, germ.: Zimt aŭ Zimmet. |
| *Kaporo,* | bot.: Capparis.<br>fr.: câpres, angle: caper, germ.: Kapern. |
| *Kardamomo,* | bot.: Amomum. Elettaria Cardamomum<br>fr.: cardamome, angle: cardamom, germ.: Kardamom. |
| *Kariofilo,* | bot.: Caryophyllus aromaticus.<br>fr.: clous de girofle, angle: clove, germ.: Gewürznelke. |
| *Koriandro,* | bot.: Coriandrum sativum.<br>fr.: coriandre, angle: coriander, germ.: Koriander. |
| *Kumino,* | bot.: Carum Carvi.<br>fr.: cumin, angle: caraway seed, germ.: Kümmel. |
| *Laŭro,* | bot.: Laurus nobilis L.<br>fr.: laurier, angle: laurel, germ.: Lorbeer. |
| *Majorano (aŭ origano)* | bot.: Origanum majorana L.<br>fr.: marjolaine, angle: marjoram,<br>germ.: Mairan aŭ Majoran. |
| *Pipro,* | bot.: Capsicum annum L.<br>fr.: poivre, angle: pepper, germ.: Pfeffer. |
| *Safrano,* | bot.: Crocus sativus.<br>fr.: safran, angle: saffron, germ.: Safran. |
| *Salvio,* | bot.: Salvia officinalis L.<br>fr.: sauge, angle: sage, germ.: Salbei. |
| *Satureo,* | bot.: Satureja hortensis.<br>fr.: sarriette, angle: savory, germ.: Bohnenkraut. |
| *Sinapo,* | bot.: Sinapis L. (S. alba, S. nigra.)<br>fr.: moutarde, angle: mustard, germ.: Senf. |
| *Vanilo,* | bot.: Vanilla aromatica.<br>fr.: vanille, angle: vanilla, germ.: Vanille. |
| *Timiano,* | bot.: Thymus Vulgaris.<br>fr.: thym, angle.: thyme, germ.: Thymian. |
| *Zingibro,* | bot.: Zingiber officinalis.<br>fr.: gingembre, angle: ginger, germ.: Ingwer. |

 LITERATURO 

# La genio de Galsworthy.

Francoj pri la formo, Angloj pri la temo ĉefe zorgas, jen ofta dirajo. Ĝin parte pravigas tiu fakto, ke efektive povas famiĝi en Parizo novelisto nur pro la beleco de sia stilo, eĉ se li skribas neniaĵojn, dum oni rifuzas la gloron al ideriĉa verkisto, kiu ne sufiĉe poluras sian lingvon. Male okazas en Londono, kie la forteco de l'ideoj pardonigas eĉ ofendajn mankojn de l'skribarto.

Kiu pravas? Ĉu la pure artista, ĉu la alia vidpunkto? Preferinda estas tria juĝilo, pli severa kaj entenanta jam ambaŭ. Kiam profunda pensulo aŭ delikata observulo scias sonigi la muzikon de l'stilo harmonia kaj skulpti la trafan reliefon de l'esprimo taŭga, sole tiam lia verko estas perfekta kaj li estas vere geniulo plena.

Maupassant tion atingis. John Galsworthy estas tia homo. Li altigas la anglan prozon al nivelo de mirinda instrumento, el kies kordoj ĉiu sonoro rekte vibrigas la ĝustan respondaĵon en la sentoj de l'leganto. Eble neniu lin egalas en Eŭropo nuntempe.

Kiu pli ol li scias mistere maltrankviligi la plejprofundaĵon en nia animo per kelkfraza impreso de somera vespero, riĉa, peza, kun turmentaj insektoj zumantaj ĉirkaŭ lampo?.. aŭ per kelkvorta sonorigo de stratorgeno enpuŝanta en la koron ian nedeziritan rememoron kun la muziko . . aŭ per lerta vidigo de ruĝa dianto sufokanta per bonodoro neforigebla?

Li ja scias ludi per niaj propraj sensoj. La leganto apartenas al li, korpo kaj animo. Sed antaŭ ĉio li vidigas la vivon. La vivon ĉie, la vivon ekstere kaj interne. Per tio li estas anglo, ke li ne montras nur amon, nenion krom amo, sed la tutan vivon kun celoj kaj detaloj, agoj kaj pensoj, loko, tempo, profesio, laboro, klopodoj, sentoj, voloj, zorgoj en ĉiuj fakoj. Per tio li staras proksime al la francoj, ke li kuraĝas konfesi al amo, al amo plena ĝian tutan spacon kaj gravecon.

John Galsworthy estas tutmonda, ĉar liaj tipoj estas veraj homoj kiel ili ekzistas ĉie, kun la sama homa konstruiteco, veraj gepatroj, veraj avoj kaj avinoj, aŭtentikaj viroj kaj virinoj, vivantaj junuloj kaj knabinoj neniel pupaj!

Samtempe Galsworthy estas anglo, ĉar ĉiuj liaj tipoj apartenas al tiu gento memrega, hontema pri siaj sentoj, kaŝema pri sia koro, malema montri sian propran suferon aŭ amon. Jen du fratoj, de longe nerevidintaj unu la alian kaj malkapablaj elbuŝigi unu solan vorton de la ĝojo, kiu bruligas ilian animon ĉe la renkonto. Jen patrino adoranta siajn filojn, sed malofte kuraĝanta ilin kisi aŭ karesi glatante la kapon, kiam ili fariĝis viroj. Sian grandan amon ŝi esprimas per ĉiuspeca zorgado, alportado de utilaj objektoj, sendado de medicinoj, kurado por aĉetaĵoj. Jen patro kaj filino, profunde ligataj kaj tamen silentaj unu kontraŭ la alia, kiam ili plej bezonus reciprokan helpon, komunan malfermon de koro.

Galsworthy sukcesas komprenigi sian nacion suferantan je tiu stranga ĝeno je parolo kaj en kies koroj la vundoj eble des pli doloras, ke faciligaj vortoj, ĉu plendaj, ĉu kompataj haltas en gorĝo premita. Tra ĉiuj tiuj bariloj travidigas la potenca verkisto kaj liaj dramoj en unu individuo preskaŭ egalas en forto la tragediojn inter homoj pluraj.

Ankaŭ tra sociaj klasoj li vojaĝigas la leganton akompanante lin per sia nelacigebla komprenemo simpatia. Ekzistas du specoj da observado, eĉ da senpartieco: unu objektiva rigardanta el ekstero, kaj unu kvazaŭ subjektiva, sinmetanta en l'animo kaj korpo de l'observato kaj kunsentanta kun li almenaŭ dum momento. Tiun ĉi varman metodon per interna „partopreno" ĉiam aplikas Galsworthy. Ĉu ni ĉiuj ne juĝas aferojn iom diverse dum ni marŝas sufokate per la polvo de l'aŭtomobiloj kaj malamike timas ĉiun novan sonoron de trumpo aŭ kiam ni sidas komforte en rapidfluganta veturilo kaj malbenas la „malsaĝajn piedirantojn, kiuj ne scias teni sin flanke"?

Se Galsworthy scias montri amon, li scias ankaŭ montri monon kaj li ne timas vidigi kian vastan lokon okupas tiu zorgo, tiu posedo, eĉ tiu „sento". En la riĉa familio de la Forsytes la maljunuloj ankoraŭ interese kalkulas la „valoron" de ĉiuj samgentanoj. Malfeliĉa viro revas pri idoj, al kiuj li povus postlasi la havaĵon. Junuloj ĝuas la komforton de l'posedo. La tuta ekzistado bazas sur tiuj du grandaj ĉefkaŭzoj: mono kaj amo. Ĉe familia funebro, rapida rememoro tra la vivo de l'mortinto konstatas lian monon kaj liajn amojn, la normalaĵon kaj la akcidentojn. Efektive amo venas kiel nekaptebla naturforto kaj falas kiel malordiga kataklismo en la familian trankvilecon kaj moncertecon. Amo minacas, sed mono helpas, ĉar ĝi ebligas donaci lukson al virinoj, al edzino dezirata, al filino malprudenta, al nepoj esperitaj.

Sed Galsworthy scias ankaŭ montri la ceteran mondon, tiun grandan plejmulton de l'homaro, kiu vivas sen la mono, sen ĝia komforto, tiun amason da sennomuloj, kiuj konas monon nur per tio, ke ili laboras por ĝin havigi al aliaj kaj ĉiupaŝe suferas pro ĝia manko al si mem. Unuĉambraj hejmoj, la pezo de l'malpureco, la turmento de l'mizero kaj samtempe la bonhumoro kaj helpemo de tipaj malriĉuloj, ĉion malkovras la novelisto kun nekaŝebla kamarada homfrateco. Sed ĉar li estas literaturisto, ne predikisto, eĉ ne unu vorto lia esprimas lian indignon kaj nedubeblan proteston kontraŭ la granda maljusto. Sed ĉar li estas homo, lia sento pri tio ne povas resti sen esprimo. Ĝi enbloviĝis en l'animon de multaj el liaj tipoj, ĉefe en la koron de rimarkindaj junulinoj kaj turmentas la konsciencon de liaj poseduloj.

Kun kia delikateco Galsworthy metas la plej bonan el si mem en siajn adoreblajn junulinojn! En diversaj liaj noveloj kvindekjara viro sentas sian koron forŝtelatan de iu deksepjarulino kaj suferas ĉian turmenton por defendi sin kontraŭ amo tia. Ĉe la sojlo de l'blankhareco, la suno de l'juneco ĵetas al li nerezisteblan allogon per lumo radia.

Galsworthy naskiĝis en 1867. Lia arto atingis perfektecon en noveloj. En teatro li kreis ankaŭ fortajn, esence verajn verkaĵojn. De lia escepta homa kompreno, de lia granda saĝeco pro sperto kaj de lia delikata bonkoro multe ĉerpas kaj ĉerpos ankoraŭ la juna generacio, kun kiu li simpatias ame.

*Edmond Privat.*

## La mateno.

Sennomulo.

*De la steloj bril' argenta*
*Dronas en la blu' . . ,*
*Jen aŭdiĝas muĝ' torenta, —*
*De la akva flu' . . .*
*Super lag' nebul' volviĝas,*
*Rampas kiel fum',*
*Super akva arb' kliniĝis,*
*Brilas pala lum' . . .*

*Post la monto blukolora, —*
*Jen rigardu vi, —*
*Paleruĝa la aŭroro*
*Ĉiam brilas pli . . .*
*De la vent' foli' moviĝas,*
*Flugas blanknebul' . . .*
*Post la monto pliheliĝas*
*De l' aŭroro brul' . . .*

*Aŭdas vi ĉevalan henon?*
*Krion de l' birdar'?*
*Kaj de l' ĉaroj, bruan trenon,*
*Voĉojn de l' homar'!*
*Sun' leviĝis, — jen ridetas,*
*Logas per la ruĝ',*
*Park' vekiĝis kaj ripetas*
*Sonojn de la muĝ' . . .*

Ufa, 1922.



## El Vjatkin.

N.* Krassovskij.

*Estas granda la mond' en la belo konstanta,*
*Kun la maroj, riveroj kaj ter'.*
*Ĉu vi povas plu vivi sen floroj kaj kantoj*
*En la urboj, — sen vast' kaj liber'?*

*Alte krias la agl' . . . Kaj ĉiam kun bruo*
*Plaŭdas ondoj ĉe la promontor'.*
*Ĉu vi povas plu vivi en mizero, enuo,*
*Sufokiĝi pro ĝemoj kaj plor'? . . .*

*Ĉu kalkulis la stelojn vi, homoj de l' tero,*
*Kiuj brilas en nokta ĉiel'?*
*Ĉu vi povas plu vivi sen reva espero*
*Pri la land' de mirakloj kaj bel'? —*

1921.



## TRA LA LIBRARO.

**Amfitriono.** Komedio en tri aktoj. *Molière.* El la franca lingvo tradukis *Enrique Legrand.* Esperantista Centra Librejo, 51 Rue de Clichy, Paris IX, 1922. 126 paĝoj, 12×19 cm. Prezo: 3 fr. fr.

En Francujo estis glorata, tiun ĉi jaron, Molière, plej fama komediaŭtoro kaj aktoro, pro la tricentjara datreveno de lia naskiĝo. El liaj verkoj, jam kelkaj estis esperantigitaj: George Dandin de Zamenhof, Don Juan de E. Boirac, L'Avarulo de Sam. Meyer, Edziĝo kontraŭvola de V. Dufeutrel.

Pro tiuj ambaŭ faktoj, mi iom timis legante en la antaŭparolo skribita en Montevideo la jenon: „Ĉi tiu traduko estis verkata kiel ekzercado apenaŭ du monatojn post la tago kiam mi komencis lerni Esperanton.“ Kaj ankaŭ: „Ĝi praktike elmontras la facilecon de la lingvo. Ĉar neniu alia ekzistas, en kiu oni povas post kelkaj monatoj da lernado skribi similan verkon.“ Mi timis antaŭtempan naskiton, kiel ni jam kelkajn havas. Sed mi eraris. La traduko de S-ro Legrand estas tute korekta, tre facile komprenebla; ĝi, per siaj senrimaj dekunusilabaj liberaj versoj, redonas la tuton de l' franca teksto, la ridindecon de l' situacioj, la komikecon de l' personoj, la vervon de iliaj paroloj. Kvankam Amfitriono ne estas unu el la plej famaj teatraĵoj de Molière, per tiu ĝustatempa eldonaĵo la aŭtoro ankaŭ iel kunasociigis nian movadon en la solena memorigo plisupre aludita.

**Italaj rakontoj.** *Edmondo de Amicis* Esperanten tradukitaj el itala teksto de *D-ro P. C. Monti.* Kolekto de la Revuo „L'Esperanto“. Eldonis A. Paolet, S. Vito al Tagliamento. Italio. 78 paĝoj, 12×17 cm. Prezo: 3 L. (2 fr. fr.)

La verkoj de E. de Amicis estas mondkonataj, precipe lia admirinda „Cuore“ (koro) tradukita en ĉirkaŭ 20 lingvoj. El tiu libro, S-ro Monti elektis ses belegajn rakontojn dirantajn al ni la heroajn agojn de knaboj, ĉu dum milita tempo, ĉu en familiaj okazoj. Oni ne legos sen emocio tiujn artplene verkitajn paĝojn en la bona, preciza kaj belstila traduko de S-ro Monti. Nur kelkaj preseraroj (ekzemple j por i), kelkaj „deviĝi“ (anstataŭ devi) estas riproĉeblaj.

**Pri la devoj de l' homoj.** Parolado al junulo. *Silvio Pellico.* Esperanta traduko de *D-ro A. Tellini.* Kolekto de la Revuo „L'Esperanto“. Eldonis A. Paolet, S. Vito al Tagliamento. 1922. 94 paĝoj, 12×16$^1/_2$ cm. Prezo: 3 L. (2 fr. fr.)

Ĉefe konigis la nomon Silvio Pellico eksterlande la multnombraj tradukoj de lia verko „Miaj malliberigoj“. El la antaŭparolo ni ekscias, ke li estas ankaŭ aŭtoro de tragedioj, poeziaj noveloj kaj de tiu „Devoj de l' homoj“ nun legebla en Esperanto. Ĝi konsistas el konsiloj pri vivkonduto, klarigas la devojn al religio, patrujo, aliuloj, familianoj, listigas la necesajn virtojn, kaj entute estas aro da moralaj rekomendoj bazitaj sur kristanismo, pli precize sur katolikismo. La tradukinto pensas, ke, kiel la Evangelioj, ĝi taŭgas kiel gvidlibro pri moralo. La bonintenco de l' verko estas nedisputebla; sed nune, libro kun ĉiulinia moraliga prediko estas iom malnovmoda. Piuloj ĉefe ŝatos ĝin, sed ĝin ne bezonas; junuloj, kiuj povus profiti el ĝi trovos ĝin teda kaj ne legos. La traduko mem, ĝenerale bona, enhavas tamen frazojn aŭ vortojn korektotajn (ilia por sia, nek por aŭ, tial por kiam, ĉion por kion k. a.)

**Devoj de la homo.*)** Penso kaj agado. Dio kaj popolo. *Giuseppe Mazzini.* El la itala lingvo tradukis *Mikaelo Arabeno.* Genova, Laborista Esperanto-Grupo, Via S. Luca 4-2. 1922. 164 paĝoj, 11×16 cm. Prezo ne montrita.

*) Ĉiu Delegito de UEA estas tre varme petata sendi al la Laborista Grupo Esperantista, via S. Luca 4-2, Genova legeblan kaj precizan adresaron de siaj membroj por ke ili povu ricevi *senpage* specimenon de tiu verko.

Nobla itala patrioto estis Mazzini. Liaj „Devoj de la homo“ estas dediĉataj al la italaj laboristoj. La tradukon entreprenis la Genova laborista grupo por honori sian samurbanan apostolon en la 50a datreveno de lia morto, kaj la libro estis prezentita al la delegitoj de l' diplomata Genova konferenco; ĝi estas nun disdonata tra la mondo.

La stilo estas tiu de publika alparolo, kaj la traduko bone konservis tiun econ; ĝi estas tre flua, korekta, komprenebla. Sed pri la temo mem, oni devas konstati, ke tiaj moralaj, politikaj kaj ekonomiaj pripensoj kaj konsiloj rapide kadukiĝas; se la verko restas interesa je historia aŭ stila vidpunkto, ĝi perdis sian efikon; la rapida evoluo de l' vivkondiĉoj kaj pensmanieroj igas maltrafaj multajn argumentojn kaj rezonojn. Kion la libro montras, estas ke Mazzini havis siatempe altan idealon kaj ke li elokvente dissemis siajn tiam utilajn admonojn.

**Akordoj Esperantaj** de *M. L. Kaplan.* Esperanta Librotrezoro N-ro 2. 1922. Eldonejo J. Ŝapiro, Lipowa 33, Bialystok, Polujo. 32 paĝoj, 11×17 cm. Prezo: 4 respondkuponoj. Ricevebla ankaŭ ĉe la Pola Esperanto-Servo, Fr. Prengel, Kordeckiego 1a, Bydgoszcz.

14 mallongaj aŭ pli ampleksaj poemoj formas la volumeton. Se ne tute novaj aŭ originalaj estas la pensoj de l' poeto, li almenaŭ verkas versojn korektajn kaj agrablajn plezure kaj senpene legatajn. Ĝenerale li, sur sia liro, pinĉas la kordon de l' malĝojo kaj ekzemple melankolie kantas:

„Vintro en strato kaj vintro en koro
Vintro malvarma, malgaja!
Mortis de longe la lasta jam floro,
Pasis la tempo, la maja . . .“

**Versaĵaro.** Originale esperante verkita de *Julio Mangada-Rosenörn.* Presejo: San Lucas, Madrid. 28 paĝoj, 10½×15 cm (sen kovrilo). Prezo: 1 respondkupono.

La 14 versaĵoj verkitaj de S-ro Mangada estas regulaj laŭ formo, montras lertecon en la uzado de nia lingvo, enhavas plaĉajn muzikecajn partojn; sed ili ne ĉiam esprimas poeziajn temojn kaj, por kelkaj el ili, bela prozo pli plaĉus ol katenoj de l'versreguloj; ofta uzo de mallongaj, ses aŭ oksilbaj versoj, tro ofta enŝovo de vortoj: ha!, do, „ve!, ja, jam, necesaj laŭ ritmo, sed ne laŭ senco,“ estas iom lacigaj, kiel ankaŭ unutoneco de l'rimoj en kelkaj pecoj, ekzemple kiam ĉiu dua verso finiĝas der as. Ne ĉiu posedas talenton kiel Grabowski, kiu povis prave moki la „adasistojn“. Tiun alnomon cetere ne meritas S-ro Mangada; sed li iom incitis al severa kritiko, adiaŭante la leganton jene:

„Al mi la censuro
Eĉ estos plezuro
Ĝi ĉiam instruas.“

**Krioj de l' koro.** *Salo Kornfeld.* Jaslo (Pollando) 1922. Eldonejo „Esperantista voĉo.“ 32 paĝoj, 10½×16 cm. Prezo: 15 M. germ.

Tiu kolekto da 25 poezietoj estas rekomendita de Esperantista Literatura Asocio, kaj vere, laŭ lingvaj kaj poeziaj reguloj ili estas tute senriproĉaj. Ili kantas amikecon, amon, naturon, deziron al paco kaj malamon al milito, Esperanton. Kelkaj estas tute originalaj kaj harmoniaj, en aliaj oni retrovas iom ofte traktitajn temojn. La libreto estas bele prezentita kaj presita. Ĉu estas permesate diri, ke en la titolo mem, en la oftaj grandaj literoj, en la dediĉo kaj cito de loko kaj dato eĉ por kvarlinia versaro, ŝajnaperas ia nevola pretendemo? Kredeble nur ŝajnaĵo; tamen evitinda.

**Penseroj.** Unua kajero. Kompilis kaj tradukis *Salo Kornfeld.* Rekomendita de Esperanta Literatura Asocio. 1922. Eldonejo Oskar Ziegler & Ko., Marktredwitz, Bavarujo. 24 paĝoj, 14×10 cm. Prezo: 5 M. ger. (Por mezvalutaj landoj: 8 M.; por altvalutaj landoj: 10 M).

167 unu, du, aŭ triliniaj pensoj el plej diversaj aŭtoroj kaj tempoj estas lerte tradukitaj kaj kunigitaj. Kvankam komprenèble iuj kontraŭdiras aliajn, ĉar vero ankaŭ havas du flankojn, ili resumas la sperton de l' homa prudento, ili spirigas la parfumon de l' plej alta saĝeco. Konciza, preciza kaj korekta estas la stilo de l' tradukinto.

**Per tolboato.** — Skizo de *Iotoka.* — Ilustrita. Eldonejo Oskar Ziegler & Ko., Marktredwitz, Bayern. 1922. 24 paĝoj, 10½×15 cm. Prezo: 6 M. germ. (Por altvalutaj landoj, 100% plialtigo).

Originala viva rakonto pri originala vojaĝrimedo, kiun eble sportuloj laŭmodigos.

Sed ĉu tiaj malampleksaj tekstoj ne trovus pli taŭgan lokon en ĵurnalo aŭ en antologio, ĉar vere tro da broŝuretetoj kaj tro malmulte da veraj libroj estas presataj en Esperantujo.

**Ekzilo.** Rememoroj. *Aleksy Rzewski.* Kun permeso de la aŭtoro el la pola lingvo esperantigis *Kazimierz Domoslawski.* Laborista Biblioteko Esperantista N-ro 1. Eldonis Laborista librejo, Warszawa-Lublin 1922. 60 paĝoj. 13×17 cm. Prezo: 300 polaj markoj (eksterlande 0,50 fr. sv. aŭ egalvaloro. Por malbonvalutaj landoj 25% rabato.)

De tempo al tempo oni legas Esperantaĵon rimarkindan per neofta originaleco, per ia loka aŭ tempa karaktero tute speciala. Inter tiuj allogaj verkoj mi lokigas la jenajn rememorojn pri ekzilo. Ili havigas la apartan impreson de veraj okazintaĵoj senpartie rakontataj de propra vivinto aŭ pliĝusta viktimo. La antaŭparolo diras, ke Rzewski, unue manlaboristo, estis 19 jara dum la 1905a rusa revolucio, pro kies partopreno li estis ekzilita. Post forsavo el la malliberejo kaj travivaĵoj en diversaj okcidentaj urboj, tiu progresema homo, ankaŭ samideano, estas nun urbestro en Lodz.

Flanklasante la nacian kaj socialistan tendencon, tute kompreneblan, ĉiu leganto trovos plezuron en la vivaj, ofte kortuŝaj, aŭ instruaj okazoj simple rakontitaj: vojaĝo al ekzilejo, renkonto de tombo de malnovaj martiroj, moroj de kozakoj, tragedia vorto de polino ekzilita, vivo en germana aŭ franca fabrikoj. Kompreneblo kaj stilo de l' traduko estas tute bonaj.

**Dua Kursa Legolibro.** Kompilita de *W. M. Page,* F. B. E. A. Kolekto de B. E. A. No. 3. Londono: Brita Esperantista Asocio, 17 Hart Street, W. C. 1. 1922. 24 paĝoj, 12½×18 cm. Prezo: 10 p. (4 respondkuponoj).

Kiel la unua kursa legolibro jam priparolita, la dua celas forigi mankon de facilaj legaĵoj por lernantoj, prezentante kolekton da anekdotoj kaj humoraĵoj. Tralegante la amuzajn tekstojn, oni konvinkiĝos, ke la celo estas ĉiel atingita kaj ke niaj kursestroj disponas novan taŭgan lernilon por distri kaj perfektigi siajn disciplojn.

**Fundamento de Esperanto.** *L. L. Zamenhof.* Eldono Flandra. Holanda. Tradukita de *Frans Schoofs.* Esperantista Centra Librejo, 51 rue de Clichy, Paris 9e. 1922. 114 paĝoj, 11×17 cm. Prezo: 2,50 fr. fr.

Ne bezone paroli pri la graveco de l'fundamentaj gramatiko, ekzercaro kaj universala vortaro, firma bazo de nia lingvo. Al dekduo da lingvoj en kiuj ĝi jam estas tradukita, ni povas aldoni la Flandran-Holandan; en la koncernaj landoj ĝi valore helpos la samideanojn emajn al serioza laboro. S-ro F. Schoofs faris al siaj samlingvanoj gravan servon prilaborante tiun tradukon.

**Magyar - Esperanto Zsebszótár.** (Hungara - Esperanta Poŝtvortaro). Preparita de Dr. *Schatz Robert.* Dua plibonigita eldono. Eldonejo Kókai Lajos, IV Kamermayer Karoly-Utca 3, Budapest. 1922. 160 paĝoj, 11 × 15 cm. Prezo ne montrita.

Klare presita sur du kolonoj, tiu riĉa vortaro entenas ĉirkaŭ 14.000 vortojn hungarajn kaj iliajn tradukojn en Esperanto. Ĝi do estas unuaranga laborilo por niaj hungaraj samcelanoj, kaj ni ne miras, ke tiom da ili tiel lerte praktikas nian lingvon tamen tiel malsimilan je ilia. Formato, aranĝo, prezo, abundeco kaj kredeble ankaŭ (sed tion mi ne kapablas juĝi) precizeco kaj fidindeco respondas ĉiun postuleblecon.

**Deutsche Redensarten in Esperanto.** Germana - Esperanta esprimaro laŭ la Proverbo esperanta de D-ro L. L. Zamenhof *Karl Minor.* Deutsch-Esperanto-Bücherei No. 4. Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin-Dresden. 52 paĝoj, 12½ × 18½ cm. Prezo: 10 M. germ. (por mezvalutaj landoj 16 M.; por altvalutaj landoj 20 M.)

En ĉiu natura lingvo estas riĉa provizo da esprimoj kaj sentencoj, ĉie uzataj, iom post iom per tradicio enkorpiĝintaj en la lingvo mem dum centjaroj. Tia tradicio mankas por Esperanto, kaj estus danĝere se, el ĉiu lingvo, oni tradukus laŭvorte samsencajn esprimojn. Tie ankaŭ neŭtrala internacia vojo estas sekvota. S-ro K. Minor prave pensas, ke la verkaro Zamenhofa kaj precipe la Proverbaro povas liveri al ni tiun komunan esprimaron. Tial li kolektis germanlingvajn kaj apude donas la formon elektitan el la Proverbaro.

Li citas pruvigajn ekzemplojn pri tiu danĝero: ekzemple anglo diras: Vi povas malfermi vian buŝon sufiĉe longatempe ĝis kiam birdo falos en ĝin; franco diras: Li atendas ĝis la alaŭdoj tute rostitaj falos en lian bekon; germano: Rostitaj kolomboj al li ne flugas en la buŝegon. Nu, kiel diros ni? Ni diros laŭ la Proverbaro: Li atendas, ke rostita kolombeto flugu al lia buŝeto.

Pri tiu granda valoro de l' Proverbo, kiel fonto de komunaj ĉiutagaj esprimoj oni ne povas tro insisti. Post eklerno de l' lingvo, legado kaj relegado de l' Proverbaro superas je profito multajn el la preskaŭ tro nombraj legolibroj.

Cetere oni facile ankoraŭ grandigos la nombron de tiuj necesaj esprimoj, ĉar multaj el ili estas pli internaciaj ol oni ofte supozas. S-ro Minor diras, ke vorta traduko kiel: „Jen fabelo de nutristino" ne estus internacie komprenebla. Mi pensas ĝuste la malon pri tiu ĉi, kiel pri multaj aliaj. Kiu multlingvulo faros al ni la servon kolektadi tiujn ĉi kompreneblajn parolturnojn kaj tiel kompletigi la majstran proverbaron?

Tion atendante, la sugesto de S-ro Minor, ke verko simila al lia aperu por aliaj lingvoj, estas atentinda kaj realiginda.

**Esperanto.** *5 Lekcji. Klucz.* (Esperanto en 5 lecionoj. Ŝlosilo). En pola lingvo. *Ig. Tejchfeld.* Eldonejo B. Rudzkiego en Varsovio. 32 paĝoj, 12 × 17 cm. Prezo ne montrita.

Helpe de tiu ŝlosilo, la posedanto de l' libreto por pollingvanoj: „Esperanto en 5 lecionoj" povos mem ellerni nian lingvon. Ĝi entenas ĉiujn necesajn klarigojn kaj tradukojn, numeritajn por ke oni povu facile iri de unu libreto al alia.

**Vivo de Zamenhof.** *Edmond Privat.* Eldonejo Ferdinand Hirt & Sohn, 15 Salomonstr., Leipzig. 1923. 110 paĝoj, 13 × 19 cm. (Sen ilustraĵoj).

Laŭ malavara permeso de la Bolingbroke Mudie Librar-Kuratoroj kaj de la aŭtoro, tiu verko nun aperas en speciala malkara eldono por malbonvalutaj landoj de Centra kaj Orienta Eŭropo, kie ĝi estis delonge dezirata de la esperantistoj. Komprenеble tiu eldono ne povas kaj ne devas vendiĝi en la bonvalutaj landoj.

*G. S.*

 ESPERANTISMO 

# Komerca Konferenco en Venezia

2—4 aprilo 1923.

***La preparado*** por la konferenco bone prosperas. La Venezia Komerca Ĉambro konfirmis sian patronecon kaj la Itala Komerca Ĉambro por Svislando akceptis kunvoki la konferencon kaj inviti oficiale interesatajn organizaĵojn, same kiel la Instituto J. J. Rousseau faris lastan jaron por la Lerneja Konferenco en Ĝenevo.

***La programo*** de la konferenco estos baldaŭ definitive fiksata. La laborkunsidoj sendube malfermiĝos lundon, 2. aprilo, matene, kaj daŭros mardon kaj merkredon. Dimanĉon Paskan alvenos matene la brita delegitaro. Aliaj jam alvenos pli frue por viziti la urbon. Sabaton, 31. marto kunvenos kredeble la grupaj delegitoj de la Itala Federacio.

***La brita delegitaro*** espereble entenos tridekon da reprezentantoj el diversaj komercaj kaj profesiaj organizaĵoj. La B. E. A. decidis subteni la konferencon oficiale kaj S-ro C. E. Edmonds, Esperanto, 17 Hart St., London WC, centrigas la tutan organizon de la brita karavano. (Revenbileto karavana London — Venezia — London IIa klaso: £ 8).

***La franca delegitaro*** anonciĝas pli multnombra ol en Ĝenevo. En Parizo S-roj Archdeacon, Delanoue kaj Agourtine, Esperanto, 51 rue de Clichy centrigas la informojn. En Sud-orienta Francio, kun helpo de S-roj Gabert kaj Cherblanc same faras S-ro L. Poncet, Esperanto, 30 rue Ferrandière, Lyon.

***El ceteraj landoj*** venis ĝojigaj aliĝoj, interalie de la grava transporta firmo germana Karl Lassen, de komercaj ĉambroj francaj, anglaj, svisaj, italaj, de Foiroj en Basel, Barcelona, Leipzig, Praha, Padova, Milano, de Supera Komerca Altlernejo en Genova, de ministrejoj aŭ registaraj delegacioj persa, ĉeĥa, germana, de Franca Komerca Ĉambro en Londono, ktp.

***La Itala Federacio*** dissendis cirkuleron kaj organizis monkolekton por organizi sian delegitaron. Ĝia prezidanto, S-ro Kavaliro Vaona, 5 Via S. Egidio, Verona, jus vizitis Venezion por starigi tie lokan akceptan komitaton.

***Ekspozicio*** de esperantaj reklamiloj, prospektoj, afiŝoj, katalogoj aŭ gvidlibroj, ĉu komercaj, ĉu turistaj estos organizata en Venezia. Oni sendu la dokumentojn al S-ro Giovanni Bonini, S. Angelo, calle Avvocati, 3901 A, Venezia aŭ alportu ilin mem dum la antaŭpaska semajno anoncante antaŭe por rezervi lokon.

***Hotelo Wagner,*** sur insulo Lido, konfirmis definitive la promesitan prezon de loĝado kaj manĝado por 30 liroj potage. Sed, ĉar la nombro de ĉambroj estas limigata, tiu prezo estos certigata nur al la konferencanoj sin anoncintaj antaŭ la 5. marto 1923 al UEA-oficejo en Genève, 12 Bd. du Théâtre.

***Mondonacoj.*** Ni ankoraŭ ne atingis la sumon necesan por certigi la plenan sukceson de la konferenco helpante la vojaĝon de malbonvalutaj kompetentuloj. Ni petas al ĉiuj bonvalutanoj, ke ili imitu la ekzemplon de la jenaj donacintoj, al kiuj ni esprimas tutkoran dankon: S-ino Magnus-Focké, Orléans, 50 fr. francaj; S-ro Wiesner, Rapperswil, 2.50 fr.;

Societo „Paco kaj Amo" en Barcelona 12.29 fr. sv.; S-ro R. Maraury, Salamanca, 10 ŝil.; S-ro C. Rousseau, Levallois-Perret, 50 fr. francaj; S-ro Paul Bouvier, Bruxelles, 160 fr. belg.; F-ino Alice Diekmann, Genève, 10 fr.; F-ino Lapp, Genève, 5 fr.; Universala Esperanto-Asocio (unua enpago) 100 fr. sv.; S-ro Ed. Stettler, Bern, 100 fr.; D-ro Edm. Privat, Genève, 100 fr.; S-ro Applebaum, Liverpool, £ 1.—; S-ro Gerrit van Heek, Hengelo, 100 fr. sv.; F-ino Yvonne Bouvier, Genève, 50 fr.; S-ro Hollemann, Bergen op Zoom, 4 fr. — Tuta sumo (en svisa mono) antaŭ la 20. januaro 611.79 fr. Sinceran dankon al la bonvolaj donacintoj.

---

# Zamenhofa monumento.

Protokolo pri la kunveno de la Loka Monumenta Komitato, Warszawa, 17an septembro 1922.

Ĉeestis: S-roj Leo Belmont, Stan. Essigman, Kensicki, D-ro I. Krenicki, J. Litauer, A. Oberrotman, Inĝ. I. Tejchfeld.

Prezidis: D-ro W. Robin.

S-ro I. Tejchfeld komunikas, ke la konkurso anoncita en la pola gazetaro en julio, por projektoj de la Zamenhofa Monumento bone sukcesis. Estis alsenditaj 18 projektoj de diversurbaj konkurantoj, inter kiuj kelkaj tre belaj. La juĝantaro kolektiĝis du semajnojn antaŭe kaj konsistis el S-roj Szczepkowski, Ostrowski, Slugscki (artistoj skulptistoj) kaj S-ro inĝ. Tejchfeld (delegito de la Loka Monumenta Komitato), la dua delegito de la L. M. K., P-ro Bujwid, ne povis ĉeesti. La decido de la juĝantaro estas jena: La 1an premion devas ricevi la projekto kun devizo *„Spero"*, la 2an premion ricevas la projekto kun devizo *„5 partoj de la mondo"*. Aŭtoro de la 1a projekto montriĝis, post malfermo de la koverto, S-ro M. Lubelski, artskulptisto el Poznán, de la 2a projekto S-ro Breyer, artskulptisto el Varsovio. Krom tio la juĝantaro *distingis* ankoraŭ 2 projektojn: 1. *„Obelisko kun arbo"*, 2. *„Alĵurigitaj anĝeloj"*, kaj opinias dezirinde, ke tiuj ĉi 2 lastaj projektoj ankaŭ ricevu premiojn.

Profesoro Bujwid, reveninte Varsovion, ne tute konsentis kun la opinio de ceteraj 4 juĝantoj kaj esprimis deziron, ke la 1an premion devas ricevi aŭtoro de projekto „5 partoj de la mondo", al kiu estis aljuĝita la 2a premio. Krom tio P-ro Bujwid distingis 3 aliajn projektojn, nome: 1. „Aglon", 2. „Sciencon", 3. „Verdan Stelon". La familio de la Majstro vidis ĉiujn projektojn kaj lasis la definitivan decidon al la Monumenta Komitato. Kelkaj komitatanoj fine distingis ankaŭ la projekton sub la devizo „Babela Turo". Tiamaniere ni havis inter la 18 alsenditaj projektoj 2 premiitajn kaj 6 distingitajn de artistoj kaj komitatanoj.

Post la raporto de inĝ. Tejchfeld okazis vigla diskuto, post kiu la Loka Monumenta Komitato *unuanime* decidis: 1. aljuĝi la 1an premion al la projekto „Spero" kaj pagi al ĝia aŭtoro S-ro M. Lubelski la 12 sterlingajn funtojn; 2. aljuĝi la 2an premion al la projekto „5 partoj de la mondo" kaj pagi al ĝia aŭtoro, S-ro Breyer, la 6 sterlingajn funtojn; 3. ne aljuĝi 3-an kaj 4-an premiojn pro manko da mono; 4. speciale mencii la 6 ceterajn projektojn, nome: „Obeliskon kun arbo", „Alĵurigitajn Anĝelojn", „Aglon", „Sciencon", „Verdan stelon" kaj „Babelan turon" kiel distingitajn de la loka komitato; 5. Rajtigi la prezidanton de la loka komitato, D-ron Robin, pagi al artistoj skulptistaj Lubelski kaj Breyer la premiojn kaj ricevi de ili koncernajn kvitancojn; 6. Anonci la rezulton de la konkurso en polaj ĵurnaloj kaj esperantaj gazetoj.

La loka komitato komunikas nun, ke ĉar inter la distingitaj projektoj troviĝas kelkaj belaj, kiuj eble ne taŭgas por la tombejo, sed estus tre konvenaj por publikaj placoj, estus domaĝe, se ili perdiĝus por la esperantistaro. Ni devas peni, ke iliaj aŭtoroj donu al ni la rajton ilin reprodukti kaj prezenti la fotografaĵojn al la samideanaro. Tial la komitato decidas turni sin al la aŭtoroj de „distingitaj projektoj" kun peto, ke ili permesu ilin reprodukti.

La Loka Komitato decidis ekspozicii ĉiujn premiitajn kaj distingitajn projektojn (entute 8) en la fama Varsovia konstanta ekspozicio de pentraĵoj kaj skulptaĵoj, por ke la Varsovia samideanaro povu ilin vidi kaj esprimi sian opinion. Fine estis




Unua premio.




Dua premio.

decidita postuli de la aŭtoroj de 2 premiitaj verkoj ĉiujn necesajn informojn, celantajn la praktikan flankon por la starigo de monumento, t. e. pri la kosto, materialo, tempo necesa ktp. Tiujn informojn la Loka Varsovia Komitato prezentos al la Organiza Komitato por definitiva decido. *J. D. A.*

* * *

La montritaj fotografaĵoj estas la 2 premiitaj verkoj pri kiuj aludas la supra raporto. La Organiza Komitato havas preferon al la verko kiu gajnis la 2an premion kaj komunikis sian opinion al la Loka Varsovia por-monumenta Komitato. Post speciala kunsido de tiu komitato en kiu ĝi prikonsideris la aferon, la komitato komunikas, ke laŭ la kondiĉoj de la anoncita konkurso, la fina decido pri la elekto de la desegno por la monumento restas al la Internacia Komitato, kiu havas la rajton alpreni por la monumento iun el la premiitaj verkoj.

Estus interese scii la opiniojn de la tutmonda esperantistaro, kaj la organiza komitato petas skribajn opiniojn pri tiu punkto. Oni povas skribi al la redaktoro de „Esperanto“ aŭ al la organiza sek. *J. D. Applebaum*, II Mayville Rd., Mossley Hill, Liverpool.

* * *

La supra protokolo kaj la kliŝaĵoj de la premiitaj verkoj devis aperi en la esperanta gazetaro jam en oktobro, sed pro la fakto ke la kupon-kartoj, kiuj estis promesitaj por la Kongreso en Helsinki ne alvenis eĉ en oktobro, la Organiza Komitato prokrastis la protokolon ĝis la fina apero de la kupon-kartoj.

Post longa kaj ĉagreniga korespondado — ili estis menditaj en Leipzig — la kupon-kartoj fine alvenis de la presisto nur antaŭ nelonge. Kvankam ne tute kontentigaj kaj ne tute laŭ la celo kaj deziro de la Organiza Komitato, ili tamen estas pretaj por utiligo de la monkolektantoj. La Organiza Komitato esperas, ke tiu klarigo sufiĉos por senkulpigi ĝin pro tiu longa prokrasto.

Agentoj kaj aliaj, kiuj jam postulis la kupon-kartojn por helpi en la monkolekto, devas esti nun en la posedo de la kupon-kartoj, kaj tiuj, kiuj ne ankoraŭ postulis ilin, estas petataj skribi nun al la Hon. Sek. de la Organiza Komitato en Liverpool.

Por la Organiza Komitato: *J. D. Applebaum*, II Mayville Rd., Mossley Hill, Liverpool, Anglujo.

# Por la ekzisto de UEA.

**Nia delegito en Novi Sad transdonis jenan leteron:**

Je la fondiĝo de la „Amika Rondo Esperantista Novi Sad“, la unua kunsido decidis sendi fratan kaj samideanan saluton al UEA, kiu estas hodiaŭ la sola esperanta asocio, kiu pleje havas internacian laboron kaj propagandon.

Ni ĉiuj tre bone scias, ke malfacila estas la tasko de UEA, sed ankaŭ ni tiel opinias, se ĉiuj gesamideanoj estus tiel fervoraj kaj sentus la idealecon de nia lingvo kaj celo almenaŭ tiome, kiel ni en Novi Sad, kie estas preskaŭ ĉiuj komencantoj en Esperanto, escepte la du kursgvidantoj, via laboro multe plifaciliĝus, kaj nia ideo multe plidisvastiĝus.

Nia unua decido estis: aniĝi al UEA, ĉar ni tre bone scias, ke sen organizita laboro ni ne povas progresi sukcese.

Esperante, ke tiuj grupoj kaj gesamideanoj, kiuj ankoraŭ ne ekvidis la absolutan neceson de la organizado, ankaŭ same agos kaj pensados, kiel ni, akceptu de ni ĉiuj fratan kaj koran saluton.

*Amika Rondo Esperantista Novi Sad (Jugoslavio).*

# La intelekta Komisiono studas la mondlingvan problemon.

La idista gazeto „Mondo“ donas la ĉi suban adresaron de la membroj de la Intelekta Komisiono ĉe la Ligo de Nacioj sendube por instigi la legantojn sendi propagandilojn pri Ido. Ni esperas ke la esperantistoj ne lasos la idistojn monopoli la tutan informadon al tiuj scienculoj!

**D. N. Bannerjea,** profesoro pri politika ekonomio en la universitato de Calcutta, nun: Rheinische Creditbank, Baden-Baden (Germanio).

**H. Bergson,** profesoro pri filozofio en la Collège de France, membro de la Franca Akademio, 32, rue Vital, Paris (Francio).

**F-ino Kristine Bonnevie,** profesoro pri zoologio en la universitato de Kristiania, membro de la delegitaro ĉe la Societo de Nacioj, Zoologia Laboratorio de la Universitato, Kristiania (Norvegio).

**D-ro A. de Castro,** dekano de la medicina fakultato en la universitato de Rio de Janeiro, rua D.-Marianne 16, Rio de Janeiro (Brazilo).

**S-ino Curie-Sklodowske,** profesoro pri fiziko en la Universitato Pariza, membro de la Akademio de Medicino en Paris kaj de la Societo de Sciencoj en Warszawa, 1, rue Pierre-Curie (Paris).

**J. Destrée,** eksministro de sciencoj kaj artoj, membro de la Reĝa arkeologia Akademio, 45, rue des Minimes, Bruxelles, (Belgio).

**D-ro A. Einstein,** profesoro pri fiziko en la universitato de Berlin, membro de la reĝa akademio en Amsterdam, de la reĝa Societo en London kaj de la Akademio de Sciencoj en Berlin (forestas, vojaĝas).

**D-ro Millikan,** profesoro en la Kalifornia Teknologia Instituto, Pasadena, Californio (Usono).

**G. A. Murray,** profesoro por greka lingvo en la universitato de Oxford, membro de la delegitaro de la Ligo de Nacioj, Yatscombe, Bour's Hill, Oxford (Anglio).

**G. de Reynold,** profesoro pri literaturo franca en la universitato de Bern, 72, Greyerzerstrasse, Bern (Svislando).

**Senatoro F. Ruffini,** profesoro pri juro en la universitato de Torino, eksministro de publika instruado, vicprezidanto de la Reĝa Akademio de Torino, 23, via Principe Amedeo, Torino, nun: Palais du Sénat, Roma (Italio).

**L. de Torres-Quevedo,** direktoro de la Laboratorio, elektromekanika en Madrid, membro de la Reĝa Akademio de Sciencoj, ĝenerala inspektoro de la pontoj kaj vojoj, 3, Valgame Dios, Madrid (Hispanio).

**D-ro G. Ellery-Hale,** profesoro pri fiziko en la universitato de Chicago direktoro de la observatorio de Mount Wilson, membro de multaj akademioj honora prezidanto de la Nacia Konsilantaro por Sciencaj Esploroj en Usono, Chicago.

# KRONIKO.

Ni raportas nur pri gravaj aŭ ĝeneralinteresaj faktoj.

## Aŭstrio.

Progresas nun la movado por enkonduko de Esperanto en aŭstrian lernejon. Direktoro Schamanek sukcese gvidas kursojn al instruistoj en diversaj kvartaloj de la ĉefurbo Wien.

Konferenco de Grupdelegitoj finigis la okjaran periodon de apartiĝemo de la aŭstraj esperantistoj laŭ fakaj kaj partiaj vidpunktoj. Nun la aŭstra samideanaro sukcesis, sur neutrala, komuna kaj nepolitika platformo, fondi tutlandan organizaĵon.

La prepara kunsido, la 6an antaŭtagmeze, havis lokon en la kunvenejo de la Esp. Soc. Danubio. Kunvenis reprezentantoj kaj anstataŭantoj el Graz (2), Innsbruck, Kierling, Krems, Leoben, Linz, Marktl a. Tr., Saalfelden, Salzburg (2), Villach, Vordernberg, Kr. Neustadt kaj 19 delegitoj de la Vien'aj unuiĝoj esperantistaj kaj multaj gastoj.

La ĉefkunveno okazis posttagmeze en la ĉambraro de la Aŭstria Societo de Inĝenieroj kaj Arkitekturistoj. Post salutaj vortoj de la prezidanto el la prepara komitato, samideano O. Zimmermann, estis elektita kiel kunvenestro s-ano L. Siedl.

Salutajn skribojn sendis la urbestro de Wien kaj direkcio de la Vien'a Foiro.

La diskutoj, okazintaj nur en Esperanto, rezultis unuaniman starigon de la regularo kaj de la laborplano de ĉi tiu reprezentantaro. A. E.-D. (Aŭstria Esperanto-Delegitaro) konservas la plenan memstarecon de la grupoj en ĝi reprezentataj kaj netuŝitaj en iliaj fakaj aŭ partiaj celoj. Tridekdu Esp.-grupoj de la aŭstra landarligo delegas nuntempe al la Aŭstruja Esperanto-Delegitaro laŭ la nombro de iliaj anaroj po unu ĝis kvin reprezentantojn.

La elekto por la direktantaro de la A. E.-D rezultis: Prezidantoj direktoro Jos. Schamanek, s-ano Karl Bartel-Graz

profesoro Otto Simon, generalsekretario s-ano Franz J. Schade-Wien, anoj de la prezidantaro estas s-ano R. Grössinger-Salzburg, s-ano A. Halbedel-Graz, s-ano E. Herndl, Prof. D-ro H. Jokl-Wien, s-ano R. v. Lidl-Leoben, provinzialo P. Franz Meštan-Wien, s-ano Franz Watzinger-Villach. — Krom tio, ankaŭ la landestroj, elektotaj de ĉiuj aŭstraj liglandoj, estas membroj de la A. E.-D.-prezidantaro. — La Centra Oficejo de la A. E.-D. havas lokon en Wien, VI, Mollardgasse 55.

Efika germanlingva propaganda parolado de Prof. O. Simon pri la temo: „Kio estas Esperanto?", — trovis grandan aplaŭdon de 300 aŭskultantoj, kiuj decidis transdoni rezolucion al ŝtataj oficejoj, korporacioj ktp.

Agrabla amuza vespero, kie brilis precipe la kantistaro de la Esp. Laborista Soc. Frateco kaj kie s-ano Weingast bonege deklamis „La Vojo"-n kaj monologon el „Hamleto", finis la unuan konferenctagon.

La dua tago montris la saman unuaniman kunlaboron de ĉiuj partoprenantoj. Gravaj estas la decidoj, sendi delegitojn al la komerca konferenco en Venezia (Pasko 1923a) kaj grandare partopreni la XVan Universalan Esperanto-Kongreson en Nürnberg (aŭgusto 1923a), al kiu jam aliĝis preskaŭ 200 aŭstrianoj intencataj estas aranĝi specialan vagonaron al Nürnberg, tie kunvoki apartan aŭstrian konferencon, per lumbildparolado konigi la naturbelaĵojn de la aŭstria landarligo kaj atentigi pri la graveco de Vieno, kiu estos proponata kiel ejo por la XVIa Universala Esperanto-Kongreso en la 1924a.

En la aliaj ĉambroj da la Aŭstria Soc. de Inĝ. kaj Ark. dum ambaŭ konferenctagoj estis aranĝita Esperanta-Ekspozicio, bone organizita de la sekretario de la Eldona Societo Nova Tempo: Emil Schade. Seninterrompe ĝin vizitis sciemuloj.

—de.

## Britlando.

La 58a Kvaronjara Konferenco kaj la Ĉiujara Kunveno de la Lancashire kaj Cheshire Federacio okazis sabaton, la 13an de januaro en la urba domo de Preston. La urbestro Alderman J. Dewhurst, bonvenigis la delegitojn (68), kiuj venis el diversaj partoj de la grafiando, kaj deziris al ili kaj al la movado plenan sukceson.

La raporto de la sekretario montris sukcesplenan jarlaboron de la Federacio. 21 federitaj grupoj pagis siajn kotizaĵojn, la Federacio kolektis donacojn por sendo de delegitoj al la Ĝeneva Konferenco kiuj sumis 31 sterlingajn funtojn, la saldo en la kaso nun estas 6.7.8 sterlingaj funtoj, kaj unu urbestro, tiu de Southport, bonvenigis la federacianojn dum konferenco en la esperanta lingvo.

Oni decidis forsendi al ĉiuj edukadaj aŭtoritatoj en la du grafiandoj la Ĝenevan manifeston, la raporton pri tiu konferenco kaj la raporton de la Ĝenerala Sekretariaro de la Ligo de Nacioj pri Esperanto.

Inter la novaj oficantoj, kiujn oni elektis, S-ro Wright el Manchester, iama sekretario de la Federacio, prenis la oficon de prezidanto. F-ino Caldwell el Leigh invitis la proksiman konferencon okazi en tiu urbo. Tiu propono estis unuanime akceptita.

La Prestonaj esperantistoj poste regalis la delegitojn per bonega temanĝo, per humorplena prezentado de „Box kaj Cox", tre kapable ludita de gesinjoroj Holland, Staveley kaj Bienstead kaj multe ĝuita de la ĉeestantaro, kaj per mallonga dancado. Dum la vespero S-ro Applebaum alparolis la ĉeestantojn pri la progreso de la movado, la neceso de senĉesa laboro kaj propagando, kaj kaptis la oportunecon disvendi multajn el la kupon-kartoj por Monumento Zamenhofa.

## Bulgario.

Pleven. Vigla laboro. Sep kursojn. Esp.-feston okaze naskiĝtago de Zamenhof. Malfermos kurson en instituto.

## Ĉeĥoslovakio.

Esperantista klubo de Praha festis la 10an de decembro 1922 20jarojn de sia ekzisto. — La I. internacia ekspozicio gazeta en Praha enhavis standon de Esperanto, kie la administrejo de Nova Eŭropo kun propaganda Sekcio de Ĉ. A. E. ekspozis 105 aperantajn gazetojn esp. Ministro Beneŝ detale trarigardis. Aperis ĉeĥa traduko de la Raporto de Ligo de Nacioj pri Esp.

## Estonio.

Tallinn. 15. XII. 22. Zamenhof vespero kun paroladoj, kantoj, deklamo. — 14. XII. 22 Zamenhof vespero en elementa lernejo kie fraŭlino Libek instruas nedevige Esperanton al la supera klaso. — 31. XII. 22 parolado de S-ro Berg pri la liroj, popolo finngenta. — 14. I. 23 ĝenerala kunveno de „Espero" en Tallinn. Raporto pri la agado de 1. V.—31. 12. 22 donas jenan bildon: 280 anoj, inter ili 85% el Tallinn; 66% maturuloj kaj 34% lernejanoj. Sentebla estas manko de lernolibroj kaj vortaroj. Estas presata eston. Esperanto-vortaro de Rosenberg, dum komisiono speciale preparas Esp. estonan vortaron. Regule estos aperigataj notetoj pri Esperanto-movado en eksterlando nacia gazetaro. Okazis pluraj lecionoj pri Esperanto (S-roj Cher, Vaher, Joger, Punsepp, Sakaria). Estis faritaj du oficialaj vizitoj al la Ministro de Instruado kaj de tiu al eksterlandaj aferoj. Por ebligi praktikan uzadon de Esperanto estis aranĝitaj somere ekskursoj kaj promenoj, same komuna veturo al la XIVa kaj festvespero. Ĉe „Espero" formiĝis Debata Rondo [Do-Ro] celanta akceli fluajn kaj interesajn paroladojn. — La biblioteko estis multe uzata; ĝi konsistas nun el pli ol 600 libroj. Antaŭe funkciis 4 kursoj, gviditaj de H. Dresen, R. Lorencson kaj H. Sakaria, kun ĉirkaŭ 100 partoprenantoj. — Estraro elektita: A. kaj H. Dresen, E. Lübek, R. Perk kaj H. Sakaria; revizia komisiono: H. Janverk, K. Muhel kaj K. Reinop. — Estis decidite elekti 28 reprezentantojn por la ĝenerala kunveno de la Asocio. [Vidu Kronikon en „Informo de la E. A."]

## Francio.

Niaj legantoj rememoras, ke S-ro Léon Bérard, ministro de la publika instruado sendis al ĉiuj rektoroj la 3an de lasta junio cirkuleron, en kiu li ordonis kontraŭstari la instruon de Esperanto en la lernejoj kaj pruntedoni neniun ejon por tiu instruo.

En nia januara numero ni donis kopion de la protesto de la Ligo por la Homaj Rajtoj. S-ro Léon Bérard jene respondis al S-ro Ferdinand Buisson, ĝia prezidanto:

„Sinjoro Prezidanto,

Per via letero de la 29. novembro vi bonvolis transdoni al mi la deziresprimon pri la instruo de Esperanto voĉdonitan de la Centra Komitato de la Ligo, kiun vi prezidas.

Mi havas la honoron informi vin, ke mia cirkulero de la 3a de junio neniel malkonis la altan celon celatan de la esperantistoj; malgraŭ tio mi opinias, ke Esperanto ne povas esti utile instruata en niaj publikaj lernejoj, dum epoko kiam gravas antaŭ ĉio disvolvigi la ekzistantajn instruifakojn.

Kiel vi bonvolis ĝin skribi, tiu cirkulero ne estis inspirita de iu ajn politika pripenso, ĉar la plej konvinkitaj esperantistoj apartenas al ĉiuj partioj, sed la karaktero de milito kontraŭ la naciaj lingvoj, kiun iuj el ili donas al ilia agado kaj la malamikeco kontraŭ la franca lingvo montrita en la Internaciaj Kongresoj de Esperantistoj postulis de mi prudentan sindetenon. Plie mi devas favori la studon de la fremdaj vivantaj lingvoj kies disvolvo malgraŭ la merito de la profesoroj, ne ankoraŭ sufiĉe respondas je niaj klopodoj.

Mi estas konvinkita, ke tiuj tre simplaj kaj tre malkaŝaj klarigoj konvinkos vin, kaj ke, dank' al via granda aŭtoritateco, vi povos valorigi ĉe la Centra Komitato la kialojn, kiujn mi plezure donis al vi en plena konfido.

(Subskribita) *Léon Bérard.*"

(Laŭ „Le Temps", 8. januaro 1923.)

Estas notinde, ke en tiu dua dokumento la ministro jam iras iom malantaŭen, ĉar li nun konfesas la „altan celon“ de la Esperantistoj kaj ankaŭ la fakton ke ili apartenas „al ĉiuj partioj“. Sed trovante neniun pretekston restantan por pravigi la unuan cirkuleron, li aldonas pri niaj kongresoj aserton, kiun miloj da homoj en ĉiuj landoj povas atesti kiel absolute malveran kaj nepre konsideros kiel simplan kalumnion. Se nia K. K. K. kulpigus S-ron Bérard antaŭ tribunalo, li trovus neniun pruvon por pravigi sian diron kaj riskus juĝon kondamnan al monpuno. Efektive neniam iu ajn atakis la francan lingvon nek iun ajn nacilingvon en niaj kongresoj. Kontraŭe oni plurfoje klarigis, ke Esperanto neniel celas ilin anstataŭi kaj en Helsingfors, ĉe la malferma kunsido, la franca kulturo estis publike laŭdata kiel unu el tiuj ĉefaj homaj trezoroj, kiujn la kleruloj deziros ĉiam koni, eĉ kiam helpa mondlingvo funkcios ĉie.

Laŭ peto de K. K. K.-anoj, Generalo Sébert verkis bonegan kaj digne trafan proteston kontraŭ la kalumnio de S-ro Bérard kaj publikigis ĝin en „Le Temps“ de l' 23. januaro 1923. Ĉar ekzistas absolute neniu eĉ pruveto de ia ajn kontraŭfranca agado esperantista, eble iu ministra helpanto esperis, per tiu dua letero, instigi atakojn en nia gazetaro por povi poste utiligi ilin kiel pruvojn. En tio li ankaŭ estos denove trompata, ĉar neniu el niaj organoj falos en tian kaptilon. Post la dua, kiel post la unua dokumento, la esperantista gazetaro ne diros eĉ unu vorton kontraŭ la patrujo de S-ro Bérard, kiu estas ankaŭ tiu de Generalo Sébert, de Boirac, de Bourlet, de Rousseau kaj kies antaŭaj registaroj honoris ilian Majstron.

Kontraŭ la bonfamo de tiu nacio neniam Esperanto laboris, sed ja S-ro Bérard mem permesante, ke ministra subskribo oficialigu aserton, kiun la tuta mondo eksterlanda scias malvera. Apartenas al Francoj mem juĝi ĉu tiaj agoj servas ilian nacian propagandon eksterlande. Bedaŭrinde malpermesaj muroj ĉirkaŭas tie la publikan opinion. La telegramoj pri la Ĝeneva Konferenco estis haltigataj pro supera ordono. Same pri la Ligo de Nacioj. En diversaj gazetoj aperis artikoloj — certe sinceraj — mirante ke ministro sin okupas pri „movado tute mortinta!“ Kiam senlaca S-ro Archdeacon vizitas tiujn sinjorojn alportante al ili raportojn pri niaj nunaj kongresoj kaj progresoj, ili malfermas okulegojn pro surprizo.

Jen la situacio. Niaj francaj samideanoj meritas tutan nian simpation kaj helpon, sed estas delikate interveni el ekstero. Ili mem devas gvidi sian propran reziston. Cetere la ministra polemiko estas riĉvalora reklamilo por Esperanto. Dank' al Generalo Sébert, S-o F. de Mesnil en Parizo (51, rue de Clichy) eldonas viglan kaj regulan organon „France-Esperanto“. Kio ajn okazas pri internaciaj organizaj problemoj, unu devo ĉiuokaze trudiĝas al la francaj esperantistoj: ili nepre devas vivigi propagandejon franclingvan en Parizo kaj Generalo Sébert rajtas kaj pravas alvoki ilin al energio kaj bonvolo por tiu nediskutebla necesaĵo.

## Germanio.

En la Internacia Konferenco de la Librobindistoj en Leipzig la itala reprezentantaro proponis ke Esperanto estu uzata en ĉiuj estontaj konferencoj. Tiu propono estis resendita al la konsilantaro por diskuto.

## Rumanio.

Rumanio la kunigitaj fortoj de la rumanlandaj samideanoj sukcese kreis organizan kaj administran centron por la landa movado. Estas fondita „Esperanto-Centro Rumana“ sub la gvidado de S-roj Henriko Fischer, Lingvo-Komitatano, I. Giuglea, delegito de UEA kaj Andreo Ĉe, sekretario de RES, kun la celo direkti kaj administri la tutlandan propagandon, aranĝi kursojn, disvendi librojn, peri la abonojn por Esp. gazetoj kaj ĉiumaniere servi la interesojn de la movado.

Por vivteni tiun gravan organon de la movado, estas fondita „Protekta Komitato de la Rumanlanda Esperanto-Movado“, kies membroj morale kaj materiale subtenas la Centron, pagante laŭvolan kotizon monatan. La subskribitaj monataj kotizoj de ja ĝis nun aliĝintaj protektantoj varias inter 20 kaj 500 leoj.

Sur la listo de la protektantoj troviĝas la ĵus fondita „Espero“. Societo por Perado kaj Negoco, transdononta tutan sian negocan gajnon al la Protektata Komitato por la movado. Ĝiaj fondintoj kaj gvidantoj estas S-roj H. Fischer kaj Ernst Grund VD. de UEA. Adreso de la supre menciitaj organizaĵoj estas: Bucuresti, Alea Suter 19.

Samtempe estis organizata Informejo kaj Librovendejo en la librejo Bibliofila, Bucuresti, str. C. A. Rosetti 2., palaco de Fundatiunea Universitara Carol, centre de l' urbo, por provizi per informoj kaj necesaj lerniloj la interesiĝantojn kaj travojaĝantajn samideanojn.

„Rumanlanda Esperantista Societo“ (RES), reorganizita en en la pasintsomera II-a Rumanlanda Esp.-Kongreso en Cluj, baldaŭ ekfunkcios. Ĝia dumkongrese elektita komitato nun prilaboras la novajn statutproponojn kaj organizajn planojn. Adreso de la sekretariejo: Buc., Alea Suter 19.

Cluj. Bonsukcesan, ĉarman Zamenhof-memorfeston ĝuis la 16an de decembro la samideanoj de Cluj, en la hejmo de la afable invitintaj familioj Gárdi kaj Payle. Dum la vespero pasigita en varma humoro paroladis S-ro Engelmann pri la vivo de l' Majstro, pianludis artistino S-ino Elvira Zsembery, parolis pri la interna ideo kaj deklamis propran poemon S-ro T. Morariu. Kantoj de esperantista ĥoro kaj majstra deklamado de artisto S-ro L. Löcsey el la poemoj de la Majstro kaj J. Baghy donis ĝuon valoran.

Arad. La „Libera Liceo“ direktata de S-ro Victor Babescu enprogramigis la instruadon de Esperanto inter la ceteraj modernaj lingvoj. La kurson gvidatan de S-ro Prof. Ferenczy partoprenas 40 personoj. La malfermo okazis per propaganda prelego de S-ino Maria Bignio VD. de UEA, en la urba Kulturpalaco. Pro la sukceso meritas apartan dankon la rumana profesoraro kaj S-ro Zoltán Nagy, kiuj tre valore kunhelpis.— Finiĝis kurso kun 20 personoj, gvidita de S-ro Stefano Bartha.

Galatz. La 31an de decembro oni reorganizis la plej malnovan Esp.-societon en Rumanio: Unua Rumana Societo Esperantista. La nova komitato konsistas el: P.: S-ro Toma Aburel, VP.: S-ro D-ro S. Kanner, S.: S-ro G. Schapira, K.: S-ro M. Orna. Samtempe oni decidis organizi lokan grupon de la Protekta Komitato de la Rumanlanda Esp.-Movado. Esp.-Informejo instalita ĉe la kontoro de S-ro M. Orna, Str. Lahovary 12. La reorganizan kunvenon ĉeestis ankaŭ S-ro H. Fischer, Lingvo-Komitatano, kunfondinto de tiu societo.

Petroŝeni. Kurso por laboristoj gvidata de s-ano Francisko.

Lerch. Kurso por lernantoj gvidata de S-ro Prof. J. Farkas.

Sibiu. „Internationale Sprachschule“ enskribis Esperanton en la liston de la lingvoj instruotaj.

Talmaciu apud Sibiu. Kurso por 65 lignolaboristoj, gvidata de s-anino Margareto Roth.

Tighina [Besarabio]. Post sukcesa kurso ĉe la ŝtata liceo, gvidata de S-ro David Grünberg, fondiĝis Esp. Rondo Amika kun 10 membroj, ĉiuj liceaj lernantoj, samtempe aliĝintaj al UEA. Prezidanto de la Rondo estas S-ro D. Grünberg, vigle kaj modele aganta delegito de UEA, Sekr. S-ro I. Bauch, VD. de UEA.

## Svedlando.

Esperanto estas enkondukota kun ŝtata subteno en la teknika vespera lernejo de Gävle.

## Ameriko.

La estraro de la Internacia Biblia Studo Asocio, kies centra oficejo estas 124 Columbia Heights, Brooklyn N. Y. decidis akcepti Esperanton kiel la mondlingvon de la okazonta „ora epoko“ de la homaro. Artikoloj pri kaj en Esperanto aperos en la oficiala organo „Golden Age“. Broŝuro „Milionoj da homoj kiuj vivas neniam mortos“ ĵus aperis. La esperantistoj en kies urboj estas Societoj de la Studentoj de la Biblio, bonvolu tuj rilati kun ili.

## Brazilo.

D-ro José Augusto, unua sekretario de la Deputitara Ĉambro prezentis, la 4an de decembro, la jenan projekton:

„La Nacia Parlamento“ decidas:

Art. 1a. — Ĉiujare, en la Kolegio Petro II kaj en ĉiuj instruejoj, kie okazos ekzameno de la helpa internacia lingvo Esperanto, kiu obeos al la samaj formalaĵoj de la ceteraj ekzamenoj de vivantaj lingvoj.

Art. 2a. — La atesto de ekzameno de Esperanto egalvaloros, por la matrikulo en la superaj kursoj de la Respubliko, al tiuj akiritaj de la lernantoj, kiuj preferas fari ekzamenon de la germana lingvo.

Tiu projekto estas sendita al la Instruado Komitato, kiu en sia unua kunsido aprobis la bonegan raporton de D-ro Tavares Cavalcanti, tute favoran al la projekto.

Oni esperas ke ĝis la fino de l' nuna jaro ĝi estos aprobita de la Deputitara Ĉambro kaj sendita al la Senato.

## Azio.

La Xa Kongreso de Japanaj Esperantistoj okazis en lasta oktobro (14—18). Preskaŭ 90 samideanoj ĉeestis la administran kunvenon de la Japana Esperanta Instituto. Publika kunveno ĉeestata de pli ol 400 personoj, komuna vespermanĝo, kaj ekskurso al la ĝardeno „Kagecuen“ en Curumi finis la sukcesan kongreson.

En Ĉinio la movado progresas precipe en Kanton kaj Shanghai kie pluraj kursoj okazas. En Ĥarbin (Manĝurio) pastro Seriŝev multe propagandas. Li enkondukis Esperanton en la kolegion Kruglik. Adreso: Inocento Seriŝev, Poste Restante, Novij Gorod, Charbin.

S-ro Yoshi Ishigoro el japana urbo Nagoja faris 30 propagandajn paroladojn en diversaj lokoj de sia lando kaj gvidis kursojn kun entute 170 lernantoj en Nagasaki. Sub lia prezido fondiĝis klubo de esp. studentoj el la Tekniko lernejo, Komerca Kolegio, Medicina Fakultato, Oka Nacia Lernejo kaj Ĉu-kjo Knabina Lernejo. Ĉie nun la japana movado kreskas.

---

# TRA LA FAKOJ

### Komercistoj.

La gazeto „Le Cuir“, 54, rue de Bondy, Paris, publikigis liston de firmoj de la ledindustrio. La indikoj pri specialecoj estas en lingvoj franca, angla, hispana, germana kaj esperanta. Ĉiu esperantisto sin interesanta pri ledo devas posedi tiun interesan fakan terminaron. (3 fr. fr.)

### Bulteno „Por la Indiĝenoj“.

La Internacia Oficejo por la protekto de l' indiĝenoj, kiu eldonas esperantan bultenon (de nun sendatan nur al interesuloj), serĉas bonvolajn helpantojn por varbi abonojn (1 sv. fr.) kaj eventuale fondi naciajn ligojn. Oni skribu al Bureau International pour la Défense des indigènes, 30 rue Verdaine, Genève, Svislando.

# Esperantista Literatura Asocio.

*Februara raporto.*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos

La honora prezidanto de nia Asocio, profesoro Th. Cart, sendis al ni la jenajn manuskriptojn:

Mia unua konfeso. Rememoro. Skribis J. L.

Ĉu la planedoj estas loĝataj? Eric Biddle.

„Renoviĝu!“ de Davido Friŝman.

La estaĵo malforta de Leonido Fidler.

Historio de la imperiestra-reĝa burleskulo Nikolao Akli de Kolomano Mikszath.

Malgrandaj skizoj kaj priskriboj de K. Mikoszath.

La aŭtoroj, kiuj deziras rehavi la manuskriptojn, bonvolu sendi la necesan monon (nacian bankbileton en koverto) kaj siajn precizajn adresojn. La manuskriptoj estis destinataj por la gazeto Lingvo Internacia, kiu jam ne aperas. La posedantoj de la riĉenhavaj volumoj de tiu ĉi historie fama gazeto havas veran literaturan trezoron. Eble la gazeto iam reaperos.

Dume oni abonu kaj atente legu niajn novajn literaturajn gazetojn, nia kolegaro diligente laboras por ili. En „Literatura Mondo“ aperis la Rakonto pri Kiŝ de Collison, sed oni ne aldonis „Rek. de Esp. Literatura Asocio.“ En „Marto“ aperis soneto de Rolento kaj verketoj de Roksano.

La alvoko de Ziegler pri „eldona akcia societo“ trovis eĥon, ĉar nova entrepreno estiĝis. La Sennacieca Asocio Tutmonda korperative agados pro eldono de esperantaj verkoj. Jam aperis la grava libro: Tri verkoj de Tolstoj. (Rek. de Esp. Lit. Asocio). En la sama eldonejo, (22, Rue Boyer, Paris XX) estas nun aperonta: Faust I, de Goethe, tradukita de Norbert Barthelmess. S. A. T. per tiu ĉi eldono pravigas sian nomon. Ĝi liveros al la mondo internaciecan, tuthomaran verkon. En nian nomaron (Dec. 1922) enŝoviĝis eraro. Al E. L. A. aliĝis Sennacieca Asocio Tutmonda, 23, rue Boyer, Paris, kaj ne: Sennacieca Revuo, kiu estas la oficiala organo de S. A. T. (Red. E. Lanty). En n-ro 10 (Julio 1922) de Sennacieca Revuo troviĝas rimarkinda artikolo de nia siberia pastro Inocento Seriŝev: „Labora lernejo.“ Li jam ne estas en Japanujo, sed en Ĥinujo. Lia adreso estas: Ĥarbino, New Town, Ĥinujo, poŝte restante. La unua volumo de lia libro „Siberio“ ankoraŭ ne estas elvendata laŭ sciigo de sinjoro Hallet en Charleroi (Belgujo). La manuskripton de la dua kaj tria volumoj (po 350 p.) konservas la fratino de la aŭtoro, F-ino Varvara Seriŝeva. Adreso: Siberio, Altaja gubernio, urbo Barnaulo Ŝkola III. La aliaj familianoj nun ankaŭ estas en Ĥarbino.

El Francujo, la iama „dorado“ de Esperanto, venis nebona sciigo. La registaro, iam tre favora al nia movado, nun vidas en ĝi danĝeron, ĝia internacia tendenco timigas ĝin. Unu el la sekvoj estas, ke la biblioteko de la grupo pariza devis forlasi sian ejon en la Universitato. Fervora samideano, sinjoro Paul Lobut, (32, Boulevard Saint Germain, Paris 5e) ordigas ĝin kaj volas eldoni katalogon. Sed, ho ve, ĉiuj verkoj aperintaj eksterlande depost 1913—14 mankas. La biblioteko estas bazita sur donacoj kaj, laŭ la deziro de ĝia bibliotekisto, ni petas la aŭtorojn kaj eldonistojn, ke ili sendu ekzemplerojn de siaj verkoj Parizon. Ĉi tio estos semado, kies rikolto utilos al la tuta mondo. Germanujo nur povas sendi librojn je konvena pago. Kelkaj kolegoj sendis al E. L. A. librojn anstataŭ mono. Ni petas, ke ili tion ne daŭrigu. Ni ne havas librovendejon, tia komercado forprenas al ni tempon kaj nur donas hazardan enspezon. Ni urĝe bezonas monon, por kovri la ĉiam plialtiĝantajn poŝtelspezojn.

Se samideanoj simple deziras ian sciigon, ili bonvolu uzi respondpoŝtkartojn. Ĉi tio estas por ili malgranda elspezo kaj por ni rimarkinda ŝparaĵo. Estas bonŝanco, ke tiaj poŝtkartoj ĉie valoras kaj estas uzeblaj.

S-ro W. Lippmann havas la intencon, traduki el germana lingvo: „Also sprach Zarathustra“ de Friedrich Nietzsche.

Kataluna Esperantisto sendis al E. L. A. aron el sia Alvoko pri la IXaj Internaciaj Floraj Ludoj. Ni la foliojn dissendis, esperante, ke multaj kolegoj partoprenos la interesajn kontrad. el hungara lingvo de Kolomano Kalocsay. Ĝi estu varme rekomendata.

*Marie Hankel*, Dresden, Nicolaistr.



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj frankoj. *Membro (M) 5 Fr. Membro-Abonanto (MA) 12,50 Fr. Membro-Subtenanto (MS) 25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj; *300 Fr.* (Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu favora prezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Aŭstrio:** Kr. 20, 40, 150 mil; **Belgio:** Fr. 10, 25, 50; **Britio:** ŝil. 5, 12/6, 25; **Bulgario:** L. 45, 100, 400; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 18, 45, 90; **Danio:** Kr. 5, 12, 24; **Estonio:** Emk. 75, 150, 600; **Finnlando:** Fmk. 22, 60, 120; **Francio:** Fr. 10, 25, 50; **Germanio:** Mk. 5, 10, 25 mil; **Hispanio:** P. 6, 15, 30; **Hungario:** Kr. 750, 1500, 6000; **Italio:** L. 12, 30, 60; **Jugoslavio:** D. 22, 60, 120; **Latvio:** Lat. 1.50, 3, 12; **Litovio:** L. 1, 6, 24; **Nederlando:** G. 2.50, 6, 12; **Norvegio:** Kr. 5, 12.50, 25; **Polando:** Pmk. 8, 16, 60 mil; **Rumanio:** L. 45, 100, 400; **Svedio:** Kr. 4, 10, 20; **Usono-Kanado:** D. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj.

La helpmembroj (HM) kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta -monkurzo: Aŭstrio: Kr. 7000; Bulgario: L. 15; Estonio: Mk. 25; Germanio: Mk. 1200; Hungario: Kr. 250; Latvio: Lat. 0.50; Litovio: L. 1 H; Polando: Mk. 2500; Rumanio: L. 15. La HM ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro, gazeto kaj enskribon en la interrilata adresaro.

La Entreprenoj de UEA (komercaj firmoj, societoj k. t. p.) pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando). — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio: No. 79 236, Praha. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main.*

---

**Jarlibro 1923.** — La preparo de tiu ĉi eldonaĵo daŭrigas; ni atentigas prokrastemulojn sendi eventualajn korektojn, aldonojn ktp. kiel eble plej rapide.

Ni ricevis plurajn petojn de enpreso en „Interrilata Adresaro"; ni ripetas ke estas akceptataj nur tekstoj skribitaj sur la speciala folio aŭ anstataŭaĵo. Tekstoj sur membrolistoj, en korespondaĵoj kun aliaj aferoj ne estas konsiderataj.

Por reklamoj estas ankoraŭ disponebla la ekstera kovrilpaĝo kaj la du internaj. Kosto de la ekstera 250 Fr. sv. de interna 150 Fr. po unu. Depreno de la Delegito 20%; neta prezo do 200 aŭ 120 Fr.

**Prezaltigo.** — Je nia vera bedaŭro, ni ne plu povas konservi la prezojn fiksitajn en la „Oficiala Bulteno" por sekvantaj landoj. Konsciante ke la rea falo de la mono ne estas egaligata per samgrada altigo de la salajroj ni akceptas la kotizojn laŭ jena bazo:

| | HM | M | MA | MS |
|---|---|---|---|---|
| Germanio: | 1200 | 5000 | 10000 | 25000 Gmk. |
| Polio: | 2500 | 8000 | 16000 | 60000 Pmk. |

Kotizo de entrepreno kiel tiu de MA.

„ESPERANTO": Abono kaj Anoncoj:

| Abono: | | Koresponda Anonceto 1 enskribo | Petoj kaj Proponoj 10 vortoj | Reklamo 1 cm. unukolona |
|---|---|---|---|---|
| Germanio: | 10000 | 500 | 400 | 1 Fr. sv. |
| Polio: | 16000 | 1000 | 800 | |

Restas la favoro konsentita al Delegitoj: (Vidu Oficialan Bultenon No. 7).

**Aŭstria Poŝtĉeko.** — De nun niaj Delegitoj kaj membroj povas pagi al nia konto ĉe poŝta ŝparkaso. Adreso: Universala Esperanto Asocio, Genève. Konto 105.439 Postsparkassenamt Wien.

Enpagilojn oni postulu de la Centra Oficejo.

**Garantia kapitalo.**

*Dua serio:*

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo: | 3300.— |
| 12. S-ro R. H. Crowley, Welwyn, Garden City . . | 300.— |
| 13. S-ro Carle A. Young, Balboa Heights . . . . . | 300.— |
| Fr. | 3900.— |

Ni rememorigas ke ĉiu atesto de la dua serio kostas 300 Fr. svisa valoro. Oni povas ĝin pagi ĉu en unu sola fojo, ĉu en tri jaraj partoj po 100 frankoj. Ĉiu akirinto de atesto de la garantia kapitalo fariĝas Dumviva Membro de UEA, sekve bezonas pagi nenion plu por la kotizo aŭ la abono al la gazeto, kia ajn estos la prezoj. — La mendojn kaj pagojn oni bonvolu sendi al la Centra Oficejo de UEA.

**Statistiko de la poŝtaĵoj.** — Movado de la poŝtaĵoj dum decembro 1922: Ricevitaj: 892, forsenditaj: 1879, entute: 2771.

**Kotizoj por 1923.** — Je la 31a de decembro estis enkasigitaj 155 kotizoj de membroj, 451 de Membro-Abonantoj kaj 25 de subtenantoj: sume 631. (Je la sama dato 1921: 582.)

**Subtenantoj.**

*Dua listo:*

14. S-ro E. A. Goodliffe, Purley; 15. S-ro F. Soubranne, Tulle; 16. S-ro R. G. Morton, Birkenhead; 17. S-ro S. L. James, West-Wickham; 18. S-ro Epitacio Garcia, Madrid; 19. S-ro Ralph Eliott, Plymouth; 20. S-ro James R. Miller, Stone; 21. S-ro Ernest F. Relf, Teddington; 22. S-ro J. Larsen, Brönderslev; 23. S-ro J. H. Wright, Manchester; 24. S-ro Max F. Schafroth, Burgdorf; 25. S-ino Lydia Schafroth, Burgdorf.

**Averto.** — Ni ricevis plendon kontraŭ S-ro Epifanoviĉ, eksmembro de UEA 15154. Tiu sinjoro skribis al pluraj delegitoj petante servojn, sed sen aldono de necesa afranko. Ni informas, ke li ne plu estas membro, ne repaginte kotizon por 1922.

**Delegitoj.** Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Cieszyn* (Polando, Silezio). — D.: S-ro Ludvik Krysta, ŝtata oficisto, ĉe S-ino G. Skupin, Stalmacha 30.

*Cleve* (Germanio, Rheinland). — D.: S-ro Adam Zangmeister, komercisto, In den Galleien 44.

*Eibar* (Hispanio, Guipuzcoa). — D.: S-ro Fernandez Puerto Manuel, mekanikisto, Banco de Pruebas.

*Hellin* (Hispanio, Albacete). — D.: S-ro Francisco Miralles Gerdan, librotenisto, Asuncion 3.

*Kamienica Polska* (Polando, p. Poraj). — D.: S-ro Antoni Piltz, instruisto, 87.

*Kaposvar* (Hungario, Somogy kom.) — D.: S-ro József Takacs, kuracisto, Böhönye.

*Katowice* (Polando, Silezio). — D.: S-ro Aleksander Kobylinski, redaktoro, X. Damrot ul. 2.

*Kreuznach* (Germanio, Rheinland). — D.: S-ro Carl Zorn, litografisto, Wilhelmstr. 18.
VD.: S-ro Oswald Weisser, komercisto, Mannheimerstr. 43.

*Lecce* (Italio). — D.: S-ro Vito de Benedetto, D-ro en komercaj sciencoj, via Palmieri 1,

*Leuven* (Belgio). — D.: S-ro Gérald Ramboux, pastro, 14, Demi-Lune.

*Mezökövesd* (Hungario, Borsod). — D.: S-ro Istvan Gulyas, botisto, 452 sz. IV. ker.

*Münsterberg* (Germanio, Schlesien). — D.: S-ro Max Fischer, komercisto, Patschstr. 17.

*Nieuwe Niedorp* (Nederlando, Noard Holland). — D.: S-ro Christiaan Kamper, terkulturisto.
VD.: S-ro Pieter Timmerman, buteristo, Lutjewinkel.

*Odrlice* (Ĉeĥoslovakio, Moravio). — D.: S-ro Julius Prochàzka,

*Persenbeug* (Aŭstrio, Nieder-Oesterreich). — D.: S-ro Willibald Matzke, impostoficisto.

*Pestujhely* (Hungario). — D.: S-ro Theodor Kovàcs, fervojoficisto, Hatàr ut 9.

*Pjatigorsk* (Rusio, Kaŭkazo). — D.: S-ro Jakov Patolay, sciencisto, Sennaja 56.

*Pont-de-Buis* (Francio, Finistère). — D.: S-ro Ch. Le Séac' h. lernejestro.

*Quedlinburg* (Germanio). — D.: S-ro Paul Hübner, inĝeniero, Bergstr. 1 a.

*Ràbapordàuy* (Hungario, Sopron). — D.: S-ro Jozsef Tatar, instruisto.

*Rajecke Teplice* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Wilhelm Anderl, oficisto.

*Salamanca* (Hispanio). — D.: S-ro Roberto Maraury, kuracisto, advokato, provizora adreso: poste restante.

*Siedlce* (Polando). — D.: S-ro Boleslaw Zmuda, teknikisto, ul. Dluga 3.

*Souburg* (Nederlando, Zeeland). — D.: S-ro Pieter Zeegelaar, instruisto.

*Sundsvall* (Svedio, Medelpad). — D.: S-ro Carl Victor Sjögren, oficisto, Nygatan 33.

*Symonov* (Polando, Wolyn). — D.: S-ro Mykola Kalynĉuk, instruisto, Hoszcza kaj Symonov.

*Teplitz-Schönau* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio). — D.: S-ro D-ro Knauer, bestkuracisto, Alleegasse 32.
VD.: S-ro Julius Kreibig, teknikisto, Turn bei Teplitz, Schillerstr. 775.

*Torun* (Polando, Pomorze). — D.: S-ro Ignacy Dziedzic, D-ro jura, ul. Prosta 9.

*Trpanj* (Jugoslavio, Dalmacio). — D.: S-ro Stijepo Ferri.

*Vlissingen* (Nederlando, Zeeland). — D.: S-ro Jozias Davidse, modelisto, Kanaalstraat 128.

*Waldshut* (Germanio, Baden). — D.: S-ro Joseph Berger, komerca oficisto, Gurtweilerstr. 42.

*Werfen* (Aŭstrio, Salzburg). — D.: S-ro Hans Jäger, estro de elektrofarejo.

**Ŝanĝoj.**

*Augsburg* (Germanio, Bayern). — D.: S-ro Josef Bolkart, poŝtinspektoro, Imhofstr. 57. I.

*Danzig* (Libera urbo). — D.: S-ro B. Aeltermann, supera urbsekretario, Bärenweg 4a. — D. Langfuhr.
VD.: S-ro K. Klaps, Karpfenseigen 10.

*Haida* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio). — D.: S-ro Josef Taŭbmann, instruisto, Rumburgerstr.

*Kladno* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio). — D.: S-ro Emil Kreibich, ĉefkasisto, železàrny (ferfabriko).
VD.: S-ro František Střibrsky, fervoja oficisto, Hájenska 445.

*Konstantinoplo* (Turkio). — VD.: S-ro D-ro Konstantin Kairis, kuracisto, Péra. Kalliondji-kuluk 66.

*Krakow* (Polando, Galicio). — D.: S-ro Bronislaw Kuhl, bankoficisto, ul. Batorego 1/11. p.
VD.: S-ro Ignacy Wiesenberg, fabrikdirektoro, ul. Powisle 122.

*Lublin* (Polando). — D.: S-ro Czeslaw Pruski, bankoficisto, Przemyslowa 25 log. 9.
VD.: S-ro Henryk Wisniewski, fervoja oficisto, ul. Rusalka 15 m. 9.

*Münster in Westfalen* (Germanio). — D.: S-ro Fritz Schallenberg, poŝtinspektoro, Kettelerstr. 31 pt.

*Roma* (Italo). — D.: S-ro Elio Migliorini, studento, IV. Piazza Scanderbeg 85.

*Rorschach* (Svislando). — VD.: S-ro Wilhelm Wüst, desegnisto, Rest. Rheinburg, Bäumlistorkelstr. 8.

*Tetschen* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio). — D.: S-ro Anton Krikawa, pentristo, Kirchgasse 333.
VD.: S-ro Hans Rappert.

*Utiel* (Hispanio, Valencia). — VD.: S-ro Andrès Eslava, komercisto,

*Valencia* (Hispanio). — VD.: S-ro Manuel Cappliure, oficisto, Calle Tejedores 5—2.

**La supraj elektoj fariĝas valoraj, se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD. agas provizore.**

Provizore ne plu estas Delegitoj en jenaj lokoj:

*Alagoinhas* (Brazilio); *Athènes* (Grekio); *Baltimore* (Usono); *Beauvais* (Francio); *Bedlington* (Anglio); *Bombay* (Hindio); *Bośnjaci* (Jugoslavio); *Bremerhaven* (Germanio); *Burgas* (Bulgario); *Bury* (Anglio); *Canicatti* (Italio): *Chalon-sur-Saône* (Francio); *Columbus* (Usono); *Cuenca* (Hispanio); *Des Moines* (Usono); *Doboj* (Jugoslavio); *Dotnava* (Litovio); *Erie* (Usono); *Felsöpulya* (Hungario); *Forst i. L.* (Germanio): *Görlitz* (Germanio); *Grand-Croix* (Francio); *Grand' Mere* (Kanado); *Grift* (Germanio); *Gyula* (Hungario); *Halifax* (Anglio); *Hebron* (Usono); *Helsingborg* (Svedio); *Karlovo* (Bulgario); *Lancaster* (Sherwood); *Lancut* (Polando); *Lerida* (Hispanio); *Loanda* (Angola); *Marktredwitz* (Germanio); *Novogrodek* (Polio); *Nowy Sacz* (Polando); *Oernköldsvik* (Svedio); *Osogna* (Tiĉino); *Pelotas* (Brazilio); *Pleven* (Bulgario); *Pori* (Finnlando); *Port Said* (Egiptio); *Pratola Peligna* (Italio); *Predazzo* (Italio); *Ronafö* (Hungario); *Sajokaza-Borsod* (Hungario); *Sapporo* (Japanio); *Seattle* (Usono); *Sedan* (Francio); *Siegburg* (Germanio); *Srinagar* (Hindio); *Stonava* (Ĉeĥoslovakio); *Szeged* (Hungario); *S. José* (Usono); *Temsche* (Belgio); *Transcona* (Kanado); *Turek* (Polando); *Wlodawa* (Polando); *Wurzen* (Germanio); *Žilina* (Ĉeĥoslovakio).

*Genève*, 20a de januaro 1923.

*H. Jakob*,
Generala Sekretario de UEA.

---

# Esperantista Parolejo.

## Oni laŭdas!

*Ni presigas en ĉi tiu senpaga rubriko dankojn nur pri gravaj servoj plenumitaj de delegitoj.*

S-ro **Rob. Kreuz,** direktanto de la esperanta fako de Foiro de Frankfurt a. M. sindone dankas al la delegito de UEA en Banalya (Belga Kongolando) pro volonte plenumita propagando-servo.

S-ro **L. Castagorola** en Savona (Italio) dankas la delegitojn de Innsbruck kaj de Leoben (Aŭstrio) kaj la delegitojn de Drachau-Karlsruhe-Reutlingen (Germanio) por komercaj informoj.

S-ro **Karl Linus Leitl** en Otting (Bavario) kore dankas S-rojn D-ro Mondini en Rovereto, Kav. A. Vaona en Verona, Perustich en Bozen pro helpo por havigo de edziĝaj dokumentoj.

F-ino **Helmi Dresen,** delegit. de UEA en Tallinn (Estonio) kore dankas S-ron Ch. Brunet, delegito en Bordeaux (Francio) pro grava servo.

S-ro **Genermont,** komitatano de UEA kore dankas S-ron Beck, delegito, Marseille pro informoj rapide donitaj.

* * *

## Japano en Eŭropo.

La suba letero trafe klarigas kiel Esperanto povas utili al azianoj, kiuj kutime devas lerni plurajn eŭropajn lingvojn antaŭ studi la vivon de Okcidento.

Mi kore deziras raporti al vi ke mi povis viziti la delegiton de UEA en Auerbach kaj ĝoje kaj kun plezuro komprenis la vivon de popolo germana en Vogtlando (Germanlando), *nur per Esperanto.* Delegito, S-ro Hugo Gerisch gvidis min tre afable, kaj lia gastameco vizitigis min la Seminarion, la popolan lernejon, en kiu funkcias esperantaj kursoj. Mi pasigis unu semajnon en la belega domo de S-ro Gerisch, kiu donis al mi ĉambron kaj bonkoron; dank' al li, *nur per Esperanto,* mi povis viziti la kamparon de Germanlando, kies vivo restus tute nekonata al mi, se mi ne estus konatiĝinta kun S-ro Gerisch *per Esperanto.* Li preparis por mi propagandan festeton en la kafejo de Auerbach, vendredon kaj dimanĉon; kaj sabaton li organizis ekskurson al Mylan, kie ni vizitis la malnovan kastelon, en kiu hazarde kunveno de muzikistoj lokaj okazis, kaj kie ni vidis la veran scenon de Faŭsto, pasigante unu ĝojan postagmezon. Ni faris propagandon, kaj kantisto petis de mi subskribon; li bone konvinkiĝis pri la bezono de Esperanto. Ankaŭ mi havas interesan rakonton; en la vagonaro de Dresden ĝis Auerbach, S-ro Gerisch kaj mi estis en la restoracio de vagonaro, kaj kiam kelnero kalkulis, mi demandis al S-ro Gerisch „Ĉu trinkmono estas enkalkulita?“ Kelnero tuj respondis *en Esperanto:* „Jes, trinkmono estas enkalkulita!“ Bone! Bone! Mi japano, tute ne konas germanan lingvon, sed tiamaniere kompreniĝas la popoloj unu kun la alia *nur per Esperanto.*

*Shigeo Narita* (Japano), membro de UEA.

* * *

## Mondvojaĝantoj.

Nia malnova kaj sindona delegito S-ro Aug. Junker en Köln petas nin atentigi la delegitojn kontraŭ sentaktaj teduloj kiuj trouzas ilian samideanan bonvolemon. „Kontraŭ tiaj parazituloj, li skribas, la tuta esperantistaro devas protesti. Mi ne komprenas la mentalecon de tiaj naivuloj! Ili amuziĝas per la ĝeno de samideanoj kaj mi miras pri ilia manko de fiereco. Estas nepre necese ke UEA avertu la delegitojn pri tia misuzo de servoj.“

Ni plezure presigas la rimarkojn de S-ro Aug. Junker, ĉar ni scias, ke liaj plendoj estas pravaj, sed oni permesu al ni rememorigi, ke nia Statuto protektas niajn delegitojn kontraŭ la sentaktuloj kaj teduloj. La artikoloj 65—69 same kiel 60—62 devas esti bone konataj de niaj delegitoj. Ili petu plie la montron de la karto de UEA okaze de grava servo kaj ne lasu sin influi per aludo je „samideana sento“ okaze de monpeto de nekonatuloj kaj dubaj individuoj!

# Esperantista Vivo.

**Naskiĝoj.** — Al G-roj *A. Zeisler* en Novi Sad (Jugoslavio) naskiĝis filo.

Al G-roj *Benito Ulm* en Mildenaŭ (Ĉeĥoslovakio) naskiĝis dua filo nomita Bruno.

**Fianĉiĝo.** — F-ino *Aurelia Cappello* en Lugano-Paradiso (Svisio) kun S-ro *Giuseppe Janner* en Locarno.

# Niaj Mortintoj.

Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

S-ro **Celestino Escobes,** delegito (membro n-ro 6051) en Calahorra (Hispanio) mortis la 7an de januaro. S-ro Escobes estis vera modelo de konstanteco al nia movado, pri kiu li ĉiam entuziasme laboris kaj propagandis. La esperantistaro bedaŭros la malaperon de tiu modesta kaj konvinkita samideano. *M. N.*

**Georg Mahn,** (membro n-ro 13.168) en Nicolassee, Berlin mortis la 7an de januaro post grava operacio. Foriris homo, kiu depost 14 jaroj dediĉis sian tutan forton al la progresigo de la esperanta movado, foriris homo tiom alte staranta, ke lia valoro nur malfacile povis esti ekkomprenata de la samtempuloj. Li malavare disĵetis semojn ĉien, sciante ke ie kaj iam el ili elkreskos fruktoj. Ofte post jaroj li aŭskultis siajn pensojn el la buŝo de aliaj kun senambicia ĝojo, ofte li senenvie konstatis, ke propono de li pribatalita estis plenumata laŭ la deklaroj de tiuj, kiuj lernis de li.

Liaj plej altaj ĝojoj rezultiĝis el la okupo pri Esperanto kaj li volis partoprenigi ĉiun ajn je liaj ĝojoj. Pro tio li provis esperantigi ĉiun homon, kun kiu li konatiĝis.

Lia anima grandeco malkaŝis sin nur al tiuj, kiuj komprenis ami la homojn same kiel li kiu tute ne konsideris rekompencon, tute ne atentis la propran personon. Li vivis simple, bezonis por sia persono kiel eble plej malmulte, sed havis ĉiam malfermitan manon por aliaj. UEA li konsideris kiel plej gravan organizadon en Esperantujo. Kiam dum la jaro 1922 la kotizo altiĝis ege por Germanoj, li tuj instigis monkolekton por ebligi al kiel plej multaj la aniĝon. Ĉar, li diris, eĉ la plej bona afero povas perei, se la homoj ne subtenas kaj antaŭen puŝas ĝin.

*S. F.*

La C. O. de UEA ĉiam konsideris S-ron Mahn kiel unu el la plej idealoplenaj membroj. Dum la milito li multe helpis spite ĉiuj malfacilaĵoj interrilatigi disigitajn familiojn kaj esperantistojn. Multaj membroj al kiuj S-ro Mahn faris servon ĉiam rememoros pri li.

S-ro **V. K. Tenisor** en Barnaul, Altaja Gubernio (Siberio) mortis pro tifo post longa turmenta malsano. Malnova fervorega esperantisto, prezidanto de loka Esperanta-grupo. Li estis 50 jara kaj de 29 jaroj estis esperantisto. Li loĝis en multaj urboj kaj urbetoj en Ruslando: Odessa, Mosuva, Niĵnij, Ĥabarovsk, Blagovesĉensk, Sretensk, Verĥneudinsk, Nikolaev sur Amur, Vladivostok, Petrograd, Omsk kaj Barnaul kaj ĉie li estis organizanto de Esperantaj-grupoj, kursoj ktp. Li havis grandegan korespondadon kun alilandaj samideanoj. Post li tute sen rimedoj restas lia malsana edzino kaj du filoj. *A. P.*

S-ro **Johannes Ulm** (membro n-ro 17.441) en Tallin (Estonio) MA de UEA mortis 22 jara la 31an de decembro 1922 pro ftizo. Kvankam li lernis Esperanton nur antaŭ $1\frac{1}{2}$ jaro, li funde konis ĝin. Unu el liaj lastaj vortoj estis: „Mi nur bedaŭras, ke mi tiel malfrue konatiĝis kun Esperanto!

*H. D.*

# ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

[Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 57.**
*R. Svoboda*, Praha.
(Originalo.)



Sinmatigo per la 5-a movo.

**Problemo N-ro 58.**
*H. T. Bailey*, London.
(Originalo.)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 59.**
*F. W. Wynne*, Dudley.
(Publ. antaŭ 1903.)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 60.**
*Josef Wolf.*
(Western Daily Mercury 1905.)



Blanko matas per la 2-a movo.

Teruraĵon nomis solvanto kvarmovan sinmaton lastafoje publikitan, vane provante ĝin solvi. Por ne turmenti la solvantojn per operacioj tiom da tempo postulantaj kaj tamen ebligi al ili la artan ĝuon, sentatan dum analizado de similaj multmovaj verkoj, ni publikigas hodiaŭ samtempe kun la supra sinmato ankaŭ ĝian solvon.

Al la ŝakludantaro ni rekomendas sekvi la solvadon kaj precipe atenti pri la kaŝita ideo. Oni vidu kiel bele la nigra Kuriero h7 anstataŭas la alian nigran Kurieron en lia ofico ŝirmi la Reĝon kontraŭ la Turo e8, por fine tiumaniere liberigitan, ĝustan Kurieron uzi ĉe la mata celo. Solvo de N-ro 57: 1. Tc6, Kg8, 2. Ĉf5+, g×f5, 3. Te6+. K×e6, 4. Kc5+, K×c5, 5. Dd4+, K×d4 mato.

*Solvoj de la problemoj:*

**N-ro 53:** 1. Kd4, D×e6, 2. Da4+, Rd5, 3. Kc3+, Rc4, 4. Da6+, D×a6 mato.
**N-ro 54:** 1. Rb2, a1, 2. T×a1, h1, 3. D×h1 mato.
**N-ro 55:** 1. Te4—b4 ktp.
**N-ro 56:** 1. Rd8 — c8 ktp.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 46, 47, 49: V. Svirchevski, Le Kef (Tunis, Afriko); 50, 51, 52: H. Sentis, Grenoble (Franc.); A. Alksnits, Riga (Latvio); R. Soloniewicz, Zychlin (Polio); 50: M. Esteban, Madrid (Hisp.); S. Frantz, Paris (Franc.)

*Korespondo:* S-ro Soloniewicz, Zychlin. Ideon en via verko uzis jam E. B. Cook, Hoboken: Bl.: Rb1, Pc7; Nig.: Ra3, Ta2. Nigro nuligas la ludon per 1. Tb2+, 2. Tb4! (Bilguer 1891.)

*Fakaj esprimoj:* S-ro Sentis rimarkas, ke pro ekzisto de la verbo *mati* estas ĝuste uzadi *sinmato* anstataŭ sinmatigo. Plue estas rekomendite uzi por la arte verkitaj finludoj la vorton etudo. Ni opinias, ke ĝuste oni devus diri *finluda etudo,* sed ŝajnas plene sufiĉi simpla *finaĵo*. Por la ludado (Partie) oni proponas *gamon,* kiun uzas anglaj ŝakistoj, kaj kiun ankaŭ aplikas la muzikarto. La rokadon de Verax oni rifuzas kaj rekomendas *arokon,* uzitan en la „Bildotabuloj“ de D-ro Dietterle. Kiu estas la opinio de la ŝakistaro?

## Germanio.

**Breslau X.** — F-ino Gertrud Lindner, Michaelistr. 62, (18-jara), PI k. ĉ. l.
**Breslau X.** — S-ro Alfons Pache, Matthiasstr. 139, (17-jara), PI, PM.
**Breslau X.** — S-ro Georg Woitas, Oelsnerstr. 11, (17-jara), PI.
**Breslau X.** — S-ro Paul Brieger, Kospothstr. 32, (18-jara), PI, PM.
**Breslau X.** — S-ro Karl Dorn, Elbingstr. 19-21, (20-jara), PI, PM.
**Breslau X.** — S-ro Joseph Fellmann, N. Adalbertstr. 117, (19-jara), PI, bfl, L, PM.
**Breslau X.** — S-ro Georg Schmidt, Friesenplatz 1, (18-jara), PI, PM, ŝanĝas paperan helpmonon.
**Breslau 18.** — S-ro Hellmut Schmidt, Ahornallee 6, PI, bfl (panoramoj, humorkartoj) k. ĉ. l.
**Wurgwitz-Dresden.** — S-ro A. Wolf, komercisto, 5, P, PI, L, PM, monerojn, monbiletojn kun eksterlando.
**München.** — S-ro A. E. Hahn, Bavariastr. 9 d/o, L, PI, bfl, PM k. ĉ. l. (serioze).
**Zittau (Sachsen).** — S-ro Ali Akber b. A. Ehm, Poŝtfako 105, L, PI, bfl, esp-aĵoj, PM k. ĉ. l.

## Hispanio.

**Nerva** (Huelva). — S-ro Gaudencio Vázquez, komercisto, calle Jaime Vera 26, kun komercistoj el ĉiuj landoj dezirantaj importi komercaĵojn en Hispanio.

## Hungario.

**Budapest.** — D-ro Károly Hegedüs, VI. Ankerköz, PM k. ĉ. l.
**Szombathely.** — S-ro Eugĉno Török, Templom-tér 5, PI, sporto, fotografaĵoj, papermono, G. M.
**Szombathely.** — S-ro Géza Kengyel, Fabriko Pohl, PM, PI k. ĉ. l.
**Szombathely.** — S-ino Anna Baloch, varosi adóhivatal, L, PI k. ĉ. l.
**Szombathely.** — S-ino Erzsébet Brüll, varosi adóhivatal, L, PI k. ĉ. l.

## Jugoslavio.

**Darurvar.** — S-ro Otto Sobotka, PM, PI k. ĉ. l.
**Novi Sad.** — S-ro Francisko Csaüth, Petefijeva (Kazinci) ul. 3, PI, bfl, PM k. ĉ. l., precipe kun Bulg., Grek., Turk., eksteraŭropo.
**Novi Sad.** — S-ro Emeriko Schönberger, Mileticeva ul. 10, PI, bfl, PM, papermono k. ĉ. l.

## Nederlando.

**Culemborg.** — F-ino J. Streef, Ridderstraat 1, PM k. ĉ. l.

## Pollando.

**Chojnice.** — S-ro Bernard Mulewski, gimnaziano, konwikt, PI bfl, L k. ĉ. l.
**Inowrocław.** — F-ino Danuta Czarlinska, Dworcowa 43, PI, PM, papermonon k. ĉ. l.
**Sieradz.** — S-ro Józef Szulman, ul. Tadensz Kosciuzko, PI kun ekstereŭropanoj

## Rumanio.

**Cluj.** — S-ro D-ro Emeriko Kepeŝ, advokato, Str. Avram Jancu 10, PM, escepte Centra-Eŭropo.
**Orŝova** (Banat). — S-ro M. Dudás, eŭropaj PM krom Ĉeh., Germ. (vendas serion kronadon PM, 8 dol. aŭ 50 sv. fr.).

## Ruslando.

**Moskva.** — S-ro Nikolaj Nikiforoviĉ Ŝaŝkin, Preĉistenskij Praktiĉeskij Institut, Ostoĵenka 38, monbiletoj, flor- kaj legomsemoj, PI kun verkoj de naciaj pentristoj.

## Svislando.

**La Chaux-de-Fonds.** — S-ro F. Sandstein, rue Leopold Robert 118, PM k. ĉ. l., seriozaj filatelistoj (escepte Ĉeh., Hung.).
**Le Locle.** — S-ro Eug. Porret, 15, Crêt-Vaillant, PM, PI, gaz. filatelistaj k. ĉ. l.
**Lugano.** — S-ro Aloysio Cappello, Dir. de la Jurista Societo „La Difesa“, via Maghetti 2, PI, PK, PM, esp.-aĵoj kaj fotografaĵoj (sportoj, belartoj, pejzaĝoj ktp.).

## Ameriko.

**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro José Catala, Calle Uriarte 485 Talleres F. C. S., PM rekomendite.
**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro Juan Navarro, Calle S. Martin 485 Talleres F. C. S. PM rekomendite.
**Moundsville, W. Va** (Usono). — S-ro Herbert M. Scott, 1312 Purdy Ave., kunredaktoro de Amerika Esperantisto, PM, prefere kun malnovaj filatelistoj aŭ ekstereŭropanoj. Nepre ne sendos unue.

## Aŭstralazio.

**Semarang** (Java). — S-ro Liem Tjong Hie, juna studento, Kranggan Wetan 19/21, k. ĉ. l. gejunuloj L, PI, PM, lutaĵoj kaj parolaĵoj.

## Azio.

**Fukuoka** (Japanio). — S-ro K. Munakata, Fukuoka kotogakko, 19-jara studento, PI, PM k. ĉ. l.
**Heiannando** (Koreo). — S-ro Munlyong Ko, Kongze hospitalo, Kaisenkun, (nur pri medicino, spiritismo, socialismo).
**Kioto** (Japanio). — S-ro Takeo Karakaŭa, Dai - 3 - kotogakko, PI, PM, esp-aĵoj,
**Osaka** (Japanio). — S-ro Hiroŝi Nagai, ĉe Osaka Ĉoĉiku Banko, Fuĵimi-maĉi, PI, PM.
**Sapporo** (Japanio). — S-ro Musae Takase, ĉe Sapporo Kôtôĵogakko (knabina liceo), kun eŭropanoj, sudamerikanoj L, PI.
**Tokio** (Japanio). — S-ro Ŝ. Joŝikaŭa, 122 Sakamaĉi, Jocuja-ku, PI, L, bfl, gaz., PM (kun eksterlandanoj).

# JUNULA KORESPONDADO

**Por ĉi tiu rubriko rezervata al junuloj maksimume 17-jaraj oni bonvolu indiki la aĝojn.**

**Barcelona,** Katalunio (Hispanio). — Kelkaj altrangaj lernantinoj 10—14 jaraj de la Dalmau Liceo, Carrer Valencia 245, PI, L kun samkondiĉaj knabinoj.
**Wurgwitz-Dresden** (Germanujo). — S-ro Krumbiegel, instruisto kaj 40 infanoj, 12—15-jaraj, PI, L, PM kun eksterlando.

# PETOJ KAJ PROPONOJ.

**Adresŝanĝo.** Pastro Inocento Seriŝev, nuntempe, poste restante, Novij Gorod, Harbin, Manĝurio, Ĉinio.

**Esperantaĵojn** ĉiuspecajn germanlingvajn librojn, eldonon de esp.-libroj, prizorgas precize: Sudgermana Esperanto-Eldonejo Oskar Ziegler, Deisenhofen b. München.

**„Esperanto“.** N-rojn 239 ĝis 244 (1920), 246 ĝis 255 (1921), 257 ĝis 268 (1922) vendas Jan Huttar, Pisek, Nádražni 387, Ĉeĥoslovakio.

**Filatelistoj.** Mi prizorgas ĉiujn germanajn poŝtmarkojn neuzitajn, riceveblajn ĉe la poŝtoficejo je samprezo plus 10 proc. kaj sendkostoj, kontraŭ bankbiletoj de via lando, akceptante ĝin je la tagkurzo. R. Hoeber, Mannheim, Germanio.

**Filatelistoj.** Sendu al mi per letero 25—100 PM malsamajn el via lando, mi tuj sendos al vi la samkvanton el Japanio. K. Munakata, Fukuoka kotogakko, Fukuoka, Japanio.

**Filatelistoj.** Kontraŭ 50—200 PM de via lando, mi sendos la saman kvanton de Germanio. Adreso?

**Filatelistoj.** Kontraŭ pago de la poŝtelspezoj mi sendas al ĉiu samideano belajn elektaĵojn kun aŭstriaj kaj alilandaj PM por vidaĵo kaj komisia vendado. Postulu prezaron pri aŭstriaj PM! Mi ankaŭ aĉetas PM, se la prezoj estas moderaj! Skribu tuj, ĉar mia provizo de belaj malmultekostaj PM estos baldaŭ elĉerpita. Josef Kolnhofer, Wien 13/4, Zehetnergasse 37.

**Filatelistoj.** D-ro C. Baart de la Faille, en Arnhem (Nederlando) varme rekomendas la filatelejon de S-ro Boris Kavalĝiev, Tirnovo, Bulgario.

**Filatelistoj.** PM ĉehoslovakaj mi interŝanĝas laŭ Yvert, Zumstein, Michel, kun seriozaj filatelistoj, ankaŭ tre malkare vendas. Mi deziras ricevi lastajn numerojn de filatel. kaj esp. gazetoj, interŝanĝe mi sendos PM. Jaroslav Mendik, Praha II, Marianská 2, Ĉeĥoslovakio.

**Filatelistoj.** Mi interŝanĝas 30 PM ĉeĥoslovakajn, diversaj serioj por la sama nombro k. ĉ. l. (ne Germanio kaj Aŭstrio) Jaroslav Svoboda, studento, Praha VII Schnellova 29.

**Filatelistoj.** Poŝtmarkojn rumanajn kronumajn plenserie liveras kontraŭ 3 dolaroj aŭ 15 svisaj frankoj S-ro Leo Soltiskij ĉe S-ro J. Giuglea, Bucuresti, Str. Carol Davila 85. Rumanio.

**Filatelistoj.** Kompletan serion da rumaniaj kronumaj poŝtmarkoj (valoroj: 6.—, 3.—, 2.—, 1.—, —.50, —.25, —.05 leoj) por 2 dolaroj, serion sen la valoro de 6.— leoj por 1 dolaro sendas: Armin Szigeti, Piata Regina Maria 4 (Lévay-cég), Oradea-Mare, Rumanio.

**Fotografaĵoj!** Mi deziras interkonatiĝi kun gesinjoroj, kiuj deziras interŝanĝi PM, PI, vidaĵojn ktp., sed ne portretojn kaj mi sendas reciproke fotografaĵojn, ankaŭ faritajn sur militkampo! Kornél Marjovszky de Nemesvid, Budapest VIII, Reviczky u. 9. I. 6.

**Kiu** deziras aĉeti gazetkolekton interesplenan (20 div. ekzpl.) por gmk. 3000.—? Skribu al S-ro Erich Lüer, Del. de UEA, Helmstedt, Henkestr. 36, Germanio.

**Kio ne estas** necesa por vi mem (malnovaj gazetoj kaj ĵurnaloj) bonvolu sendi al „Esperanta Studentaro“, Government Normal College, Canton China. Ĉar studentoj tre bezonas legi pri nia movado, sed ili ne povas aboni al ĉiuj eldonoj.

**Knabina** Lernejo en Rougemont Vaud, Svisio. Rapida kaj facila lerno de franca lingvo kaj stenografio (3—6 monatoj). Mastrumado. Itala, angla lingvoj, sportoj. Aerkuracejo por brustmalforteco. Lakta dieto. 100—150 fr. Direktoro: S. Saugy.

**Malkaraĵis** la hungaraj artaj membrodaĵoj. Petu proponon de P. Balkányi, Budapest VI, Hajos u. 15. Provoj por sv. fr. 8.— aŭ 10.—. Debitiĝu per ties prezoj!

**Novaj Noveloj** aperis el la hungara literaturo trad. de Kalocsay. Prezo 1 resp.-kup.; 4 por 1 sv. fr. aŭ egalvaloro. P. Balkányi, Budapest VI, Hajos u. 15. Por 1 sv. fr. 4 diversaj libroj.

**Plumdesegnaĵoj.** Kontraŭ 2 ŝil., 1 guld., 2 sv. Kr., 1 peso, 1 yen, 2 pesetoj, 2 sv. fr. aŭ 10 liroj en rekomendita letero mi sendos 2 tre belajn plumdesegnaĵojn rekomendite. Ali Akber b. Ehm, Poŝtfako 105, Zittau, Germ.

**Sciencistoj.** Mi proponas aranĝi grupon por fari vojaĝon tra Eŭropo kaj Ameriko por la scienca celo. Loko por kunveno estos Leipziga Foiro, marto 1923. Detaloj pri vojaĝo laŭ la adreso: Rostov-Don, Ruslando, Instituto Komerca, al S-ro A. T. Samojlenko.

**Senkulpigoj.** S-ro Marius Van Reck, Chaussée 221, Haine-St. Pierre, Belgio, petas pardonon de siaj korespondantoj, ĉar li ne povis atenti la ricevitajn korespondaĵojn pro diversaj malhelpoj. Li penos respondi al ĉiuj tuj kiam liaj okupoj tion permesos.

**Virinoj!** Mi deziras interkonatiĝi kun bela virino en iu ajn fako de scienco aŭ arto Kornél Marjovszky, Budapest VIII, Reviczky u. 9. I. 6.

**Zavjalov el Ufa.** Sciigon pri la sorto de kara amiko, V. V. Zavjalov — iam en Omsk, Siberio, kaj edzino en Tomsk — petas W. Brown, "Mayfield", Chorley, Angl.

# INTERNACIA KOMERCO

**Bonbonujojn** metalajn [korbetojn] por sukeraĵistoj, ĉokoladfabrikoj mi fabrikas. Ses pecoj 10 sv. fr. Granda specimenaro 35 sv. fr. Sendu en rekomendita letero al Josef Feix, Kukan, Langegasse 233 [Ĉeĥoslovakio].

**Importo — Reprezentado — Eksporto.** Schernikau & Co., Schleusenstr. 4, Frankfurt a. Main (Germanujo), firmo fondita en 1902, peras ĉiuspecajn negocojn, korespondas angle, esperante, france, germane, itale. Posedanto estas malnova samideano.

**Reprezentadon** por bona firmo en ĉiaj artikoloj mi serĉas por Wien. Josef Kolnhofer, Wien 13/4, Zehetnergasse 37.

**Rozoleo** natura garantiite sendata poŝtasekurite en boteletoj de 10 gramoj neto por 30 fr. frankoj kaj 50 gr. 145 fr. senditaj per ĉeko al R. Ĉervenakov, ulica Krestec N-ro 7, Sofia, Bulgario.

**Tabako.** S-ro Georgi D. Kafaliev, ulica Djustabanov 39, Plovdiv, Bulgario, deziras rilati kun tabakkomercista firmo, peras je tabakkomercado.

## Brodaĵoj.

Belajn svisajn brodaĵojn, la kilogramo 50 Frankoj svisa valoro, sendas kontraŭ enpago de tiu-ĉi sumo
*Charles Weyermann, Rorschach, Svisio.*

# LA UNISMA FEDERACIO.

## La Nova Edukada Movado por Mondpaco per Kooperativa Rekonstruado.

Por tiuj kiuj volas servi sen mona rekompenco.



Por starigi la multe deziratan mondpacon sufiĉas nek belsonaj esprimoj nek bonaj intencoj. Nun vere prezentas sin la okazo *por agi kooperative* en la politikaj kaj industriaj sferoj, ĉar internacia amikeco ne povus efektiviĝi antaŭ ol la diversaj landoj interne ĝuos paceman rekonstruadon. Ĉie kunhelpa sociala sistemo devas senprokraste anstataŭi la malkontentigon de hodiaŭ. Tiucele „La Unisma Federacio“ estas fondita laŭ la sekvanta difino:

„Demokrato estas individuo kiu posedas opiniojn pri politikaj, industriaj aŭ aliaj aferoj, sed kiu samtempe konsentas ke aliuloj ankaŭ rajtas posedi kaj esprimi siajn proprajn ideojn. Same ĉiu nacio devas interrilatiĝi kun aliaj nacioj.“

La nova movado akordige kredas ke la partia sistemo de registaro iatipe estas senutila kaj nedezirinda dum la nuna krizo. Por fari uzon de la pluraj valoraj reformplanoj oni devas plibonigi la elektan maŝinaron kie necese per sistemo de proporcia reprezentado. Ĉi tiu aranĝo permesos ke ĉiuj politikaj grupoj kaj sendependularoj ricevu plenan kaj justan reprezentadon parlamentan. Plue ĉiuj grupoj rajtus partopreni en la funkcioj de la ministraro. Spertuloj, same kiel en Svislando, tamen devus kontroli la fakojn de la ŝtato.

Tia nepartia sistemo kompreneble bezonas kooperativan politikon rilate al la industrio. El la multaj skoloj de reformo estas sendube necese elekti simplan planon akcepteblan de la granda plimulto, kaj jen la utilo de la unisma idealo.

En la nuna tempo granda baraktado evidentiĝas inter la subtenantaj de la socialismo kaj la defendantoj de la individualismo. Tiuj volas enkonduki sistemon en kiu la komunumo iamaniere kontrolos la produktadon kaj la distribuadon; ĉi insistas por ke la industrio restu sub la kontrolo de privataj personoj.

Kompromison inter la du principoj estas deviga por eviti senecon kaj ĥaoson dum la kriza periodo de rekonstruado. La Unismo, kiel unuiga konstruema plano, liveras formulon:

a) La Individuo devas produkti.
b) La Komunumo devas distribui.

Alivorte la popoloj estas petataj interkonsenti pri la kontrolo de la industrio:

a) Estas permesate ke ĉiaj produktantaj industrioj estos starigitaj, organizitaj aŭ pligranditaj per privata mono-kapitalo kaj per la energioj de privataj individuoj aŭ grupoj. Tio signifas ke kooperativaj produktantaj societoj, sin kontrolantaj fabrikejoj, asocioj de produktantoj, privataj individuoj, publikaj akciaj kompanioj, naciaj gildoj, metiaj sindikatoj kaj aliaj tipoj povos daŭri eksperimenti. Tiamaniere solviĝos paŝo post paŝo la malsimplaj problemoj de interna organizado kaj de direkcia kapableco.

b) Estas decidite ke ĉiaj funkcioj de distribuado, konservado kaj transportado — kiel ebligos la sperto — estos komunume aŭ ŝtate kontrolitaj por fariĝi disdonada sistemo por senpartie helpi fabrikantojn kaj por efike servi la aĉetantan publikon. Kiel unua paŝo al la scienca organizado de distribuado — precipe de la ĉiutagaj necesaĵoj de la popoloj — oni povos kunigi kaj akordigi la rektajn disdonadajn metodojn de spertulo kiel S-ro Hoover kun la maŝinaro de la kooperativaj distribuadaj societoj. Libera interŝanĝado de komercaĵoj, en kaj ekster ĉiu lando, rapide disvolviĝos, kaj grava incitilo por militi tiel malaperos.

Post kiam komenciĝos la rekonstruado laŭ la unisma kompromiso, tiam la kunhelpa spirito estos pli preta por priparoli la aliajn diskutindajn reformojn koncerne la teron, la edukadon, la financojn k. a.

Sume mallonge, kiu volas aliĝi al La Unisma Federacio tiu fakte akceptos tri principojn:

1. Nepartia registaro bazita je reprezenta parlamento per proporcia reprezentado; spertula administracio.
2. Kunhelpa plano pri la kontrolo de produktado kaj distribuado dum la rekonstruada epoko laŭ la unisma formulo.
3. Libera esprimado de opinioj kaj zorga konsiderado de aliaj reformemaj politikoj.

Tial estas libera iu entusiasmulo fondigi senprokraste en sia distrikto grupon eĉ de nur tri anoj. Ĉiu grupo devas esti sendependa de ekstera aŭtoritato, kaj faros siajn proprajn regulojn kaj financajn aranĝojn. La komuna ligilo estos la deĵorado diskuti, disvolvigi kaj uzi la unisman planon laŭ kondiĉoj lokaj aŭ naciaj ĝis kiam internacia kunligado ebliĝos por rapidigi la homaran interkonsenton.

* * *

*Senpaga broŝurforma klarigo de la Unismo estas havebla de S-ro Colin Unwin, Box 47, Fremantle, Western Australia. (Poŝtkesto 47, Fremantle, Okcidenta Aŭstralio.) Pro la necerteco de poŝtaj aranĝoj kaŭze mondkondiĉojn la memstareco de grupoj estas precipe dezirinda. Ankaŭ oni devus peti broŝuron denove se ĝi ne alvenus ĝustatempe.*

Esperanto-Presejo Paul Göring, Magdeburg-N.